# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay

Literatura, arta ilustrita revuo
Dua periodo — Tria jaro
Senpaga kvaronjara aldono:
Bibliografia Gazeto
En duona formato 16—20 paĝa




Novembro 1933
11-a numero

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***



**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



## Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton »Esperanto«, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# Post legado de Dante

— G. Waringhien, Lille —

Povus ja unuavide ŝajni tre stranga ideo, uzi fortojn, tempon kaj monon por traduki, en versa formo, poemon de la 14-a jarcento, kies enhavo estas tiel fremda al nia hodiaŭa pensmaniero. Vojaĝo tra skandale realisma infero, kie senkorpaj animoj suferas korpajn turmentojn, ĝis enuige monotona paradizo, kie la plej grandaj distroj estas disertoj pri la lunmakuloj aŭ la Thomasa mordoktrino, nenion havas por plaĉi eĉ al plej religiemaj spiritoj de nia epoko. Krome, en la poemo svarmas tiom da aludoj al plej sensignifaj okazoj de la Firenza historio, al kvartalaj malamoj, al strataj kvereloj, tiom da rimitaj enigmoj, ke ofte, laŭ la vorto de Maurras, Dante »malaltiĝas ĝis la sorto de granda poeto de vilaĝo aŭ de komunumo.« Ni aldiru plie, ke la koncepto de Dante pri la mondo estas tiel malproksima de ni, kiel tiu de Ptolemeo aŭ Hammurabi.

Tiu universo rigida, kun siaj kristalaj sferoj eningigitaj unu en la alia, kaj la tero en la centro, tiu mondhistorio, bazita sur la Biblio kaj finiĝanta al la Apokalipso, estas hodiaŭ plie arkajaj kuriozaĵoj ol objektoj al poezio.

»Ni faris al ni, skribas la angla kritikisto Symonds, laŭ la instruo de la jarcentoj diferencan ideon pri la homa destino. Ni opinias iom absurda, ke Dante enfermas la homojn en ĉelojn, izolitajn kaj etikitajn por eterne. Ni scias ja, ke ĉio vivanta estas moviĝema, fleksiĝema, ŝanĝiĝema...« kaj li bedaŭras, ke Dante ne havas la senton pri la senfineco, kion oni trovas ekzemple ĉe Milton aŭ ĉe Hugo. Estas vere ke, apud la infero, tia, kian imagas Hugo

senfina falo en senliman nokton,

la infero de Dante kun siaj ŝtuparoj, pontoj, riveroj, kasteloj, siaj turiste signitaj rondoj kaj subrondoj ktp, estas iom tro preciza, tro kon*k*reta pon nia menso, kiu sentas, ke ĉe tiaj temoj la nefiniteco pli efikas ol ĉia ajn ekzakteco.

Jen la pensoj kiujn mi rulis en mia kapo, kiam mi ricevis la tradukon de la Dante-a Infero, fare de *K. Kalocsay*. Sed, ĉar mia tasko estis legi, kaj mi estas preta al ĉiaj oferoj por plenumi ĝin, eĉ al la plej heroaj, mi kuraĝe ekapertis la libron, aŭ pli ĝuste, la gvidlibron, kaj komencis, ankaŭ mi, vojaĝon al la interno de la tero: vi scias, ke tie estas lokita la Infero. Kaj mi estis rapide surprizita. Malgraŭ ĉiuj miaj duboj kaj antaŭtimoj, mi interesiĝis pli kaj pli al la legaĵo. Oni sentas, tra tiuj versoj, tiel vibrantan, tiel flamantan animon, ke malgraŭ la nerealeco de la scenoj, la nekompreneblaj aludoj; la nekonataj personoj, malgraŭ ĉiuj skorioj, kiujn rulportas tiu potenca poezirivero, oni estas kaptita, kuntrenita, oni tremas per la tremoj de Dante, malamas per liaj malamoj kaj kortuŝiĝas per liaj emocioj. En tiu verko, kiu estas la sumo kaj la plena portreto de tiu mezepoka civilizo, kiu estis tiel baldaŭ ruiniĝonta post la morto de la poeto, tio, kio vivas por ni, estas nur la persono de Dante mem, liaj pasioj, liaj koleroj kaj ploroj. Li estas la sola vivanto en la lando de l' mortintoj, en la barko de Flegias li »sola ŝajnis ŝarĝo por la ligno«; la sango cirkulas sub lia haŭto, amasiĝas kaj foriĝas laŭ simpatiaj ruĝiĝoj aŭ paliĝoj. Li ne kaŝas al ni siajn hezitojn antaŭ la terura vojo, kiun montras al li Vergilio, nek siajn larmojn je lia eniro en la »sekretan landon«.

Dum li trapasas la Limbon kaj rekonas la grupon de la sanktaj poetoj, kiel li »plenas de ĝoj' ekzalta«.

> Honoron ili eĉ pli manifestis,
> min akceptante en ĉi kompanio:
> ke inter *tiaj* mi la sesa estis...

Plue, en la »lok' de ĉiuj lumoj muta«, kiam li renkontas la subliman figuron de Franĉeska eternigita de la morto en senmorta brakumiĝo — li kaŝas nek al ni nek al ŝi sian emocion:

> ... pri viaj dolorŝiroj
> ĝislarme sentas mi melankolion...

kaj li ne povas elteni ŝian tristegan rakonton, li svenas:

> kaj kvazaŭ morta korp' ,mi teren-falis...

Kaj kiam, sur la lasta ŝtupo de l' Purgatorio, aperas al li Beatriĉe, li konfesas:

> ... malpli ol gramo
> restis al mi da sang', kiu ne tremas:
> mi konas signojn de l' malnova flamo.«

La vivo bolis tiel vigle en la koro de l' poeto, ke li pruntedonas ĝin malavare al la kreaĵoj de sia imago kaj unue al tiu admirinda figuro de Vergilio, la »Saĝulo« la »Duko, Estro, Majstro kara« tiel vivplena kiel la persono de Dante mem. Palvanga akompananto li instruas kaj konsilas la kunulon, li estas fiera pri li, kiel pri filo:

> kaj brakumante min, li kison metis
> al mia frunt': »Animo nobl-indigna,
> benita estas, kiu vin gravedis!...«

Li ne nur avertas pri la danĝero ekrigardi la Gorgon, sed li mem volas ŝirmi lin:

> kaj li mem rapidis
> okulojn miajn kovri per protektaj
> manoj, ĉar je la miaj li ne fidis...

Per kia amo li defendas lin en la terura fuĝo antaŭ la diabloj de l' oka rondo!

> — Nun mia patro premis min subite
> kiel patrin', kiu vekita estas
> de bruo, jam de flamoj ĉirkaŭite,
> la filon kaptas...
> ...li min surbruste tenis,
> kvazaŭ mi estus ne kunul' sed filo.

Kaj kiam je la fino de l' Purgatorio, li ne plu trovas sian Vergilion apud si, sian »Virgilio, dolcissimo padre«, la poeto ne povas sin deteni de ploro.

Eĉ al malamikoj li donas tian spiron, tian sentoforton, ke ili vivas neviŝeble en nia memoro. La maljuna Farinata degli Uberti subite elstaras el sia tombo ruĝa je flamoj:

> li kun levata
> brusto kaj frunt' emerĝis, kvazaŭ mokis
> pri la inter' kun granda spit' malŝata...

Lerte li alparolas lin kun la ĉagreno de tiu, kiu estis

# Kvin poemoj

### Mi volas...

*Mi volas vivi,*
*ne senvole dormi;*
*ne per, sed por mi*
*floru la viv'.*

*Se l' vivoĝojo*
*ne volas mem veni,*
*ĝin preni, kuntreni —*
*ha, kia ĝoj'!*

### Nur sanga mordo

*Koron kruele tretu*
*hufa fero;*
*ĝin de la tero*
*forĵetu.*

*Revoj nur forton ligas.*
*ilin for do!*
*Nur sanga mordo*
*satigas.*

### Pro kio...

*Pro kio mi estu afabla*
*kaj kial mi penu rideti,*
*ĉe l' koro la manon surmeti*
*kaj diri, ke ĉio — agrabla?*

*Se l' kor' pro indigno sangbolas,*
*do kial sen fin' hipokriti?*
*Disŝiri la Decon kaj spiti,*
*kaj esti malbona mi volas.*

### Al la Sorto

*Ne donu al mi duonĝuon*
*kaj ne igu min vivi duone —*
*mia kanto jubilu plensone,*
*estu vivo, ne teda enu'!*

*Mi ne volas dum viv' sendecide*
*duondormi de horo al horo:*
*se jam morti, do morti, sen ploro,*
*sed se vivi, do vivi sen brid!*

### Kial ne?!

*Kial ne?*
*Kial ne ĵetiĝi haste*
*En la kirlon de diboĉo,*
*Kial ne mankapti draste*
*Kaj ne trinki ĝojo-vinon? —*
*Ja la fino*
*Venos mem.*

*Venos mem*
*Lasta horo iam gaste,*
*For nin vokos fata voĉo...*
*Fratoj, hej! ne sidu faste!*
*Verŝu, trinku fajran vinon*
*Ĝis al fino!*
*Kial ne?!*

**N. Kurzens**

---

jam efektive plenuminta la famajn profetaĵojn (Paradizo XVII, 55)

> Vi lasos ĉiujn aĵojn plej karege
> amatajn...
> Vi spertos, kiom havas da amaro
> la fremda pan', kaj kiel dura vojo
> estas paŝadi per fremdul-ŝtuparo...

Sed dum la interŝanĝo de kruelaj riproĉoj, li gardas en la koro admiron por tiu nefleksebla karaktero:

> Sed tiu grandanima ombr' en solo
> plu restis kun mien' senŝanĝe spita,
> sen mov' de l' koksoj kaj sen klin' de l' kolo...

La imago de Dante estis tiel fekunda kaj drasta, ke li prezentas al ni eĉ mitologiajn figurojn kun la reliefo kaj la energio de historiaj personoj. Unu precipe estas mirinda: Uliso. En la grandioza fino de tiu XXVI-a kanto, la poeto sorĉe identigas sin kun la senlace novavida animo de l' aventuristo:

> »Fratoj, mi diris, kiuj tra centmilo
> da danĝeregoj ja al okcidento
> alvenis: al la eta flamobrilo,
> kiu ankoraŭ restis el vivsento,
> ne volu do rifuzi spert-esperon
> laŭ voj' de l' suno, pri la mond' sen gento!
> Pri via semo havu konsideron!
> vi ne naskiĝis ja por brut-vegeto,
> sed gajni scion, bravan karieron!«

Kaj la majesta drono de la ŝipo antaŭ la monto de l' Purgatorio ŝajnas al ni iom pli ol individua puno: ĝi simbolas la pereon de la tuta pagana mondo:

> ...aperis al mi monto, bruna
> pro l' malproksimo, kiu tiel altis
> ke tiajn ja ne vidis hom' ĝisnuna.
> Ni ĝojis, sed la ĝoj' en ĝemo haltis:
> de l' nova ter' naskite tromb' ekiris,
> kaj bate sur la ŝip-antaŭon saltis.
> Tri fojojn per ĝi ŝip' kun akvo giris,
> la poŭpo iris supren je la kvara,
> la pruo infren. Iu ĝin deziris;
> kaj super ni fermiĝis ondo mara...

Kaj ĉiuj tiuj vizioj estas pentritaj per arto tiel perfekta en sia familiareco (oni scias, ke pro tiu familiara stilo Dante nomis sian verkon Komedio) tiel elvokiva en sia koncizo! En tiu mezepoka poezio abundas tiom da eterne brilantaj perloj! Tiu loko »kie la suno mutas« — tiu komparo de la mortintoj al folioj kiuj:

> ...se l' aŭtun' ĝin tuŝas,
> unu post unu falas, ĝis ornamo
> de l' tuta branĉo sur la tero kuŝas...

tiuj ombroj, kiuj veas

> kiel gruoj iras, kaj molkrie
> linion longan fluge el si ligas...

tiu ser Brunetto, instruinta al Dante

> kiel sin eternigas homo tera...

tiu Anteo, kiu por meti la du poetojn sur la inferfundon

> kliniĝis nur por temp' momenta,
> kaj kiel mast' en ŝipo levis sin...

Ĉiuj tiaj trajtoj enpikiĝas definitive en la memoron. Kaj ĉiu paĝo riĉas je ili. Kaj ferminte la libron, oni ankoraŭ sekvas per la okuloj de l' spirito la du vojaĝantojn kiuj malproksimiĝas en la ombro: oni lasas ilin foriri kun kelka bedaŭro, kiel se oni disiĝus de karaj kunuloj; kaj vere kunuloj ili estis al ni tra tiu Infero, kiu ofte tro similas al nia vivo — ĉar rediras al ni V. Hugo (en la poemo kies titolon mi komence pruntis)

> Jes, vere jen la vivo, poeto altspirita!
> Jen ĝia voj' nebula, per malhelpaj' barita.
> Sed por ke en l' irejo nenio estu manke,
> Vi montras al ni ĉiam, ke staras dekstraflanke,
> Kun frunt' kvieta, lumaj okuloj, la geni',
> Virgil' serena, kiu admonas: Pluiru ni!

# BALÔ

— Ryûnosuke Akutagawa —

I.

Estis la vespero de la tria de novembro (naskiĝtago de la tiama Imperiestro Meidi) en la jaro deknaŭa de Meidi (1886). Akiko, la deksesjara filino de la eminenta familio de **, akompanate de sia kalva patro, supreniris la ŝtuparon de la Rokumeikwan (tiama granda restoracio, centro de societo), kie tiun vesperon balo estis okazigota. Grandaj krizantemfloroj, kiuj ŝajnis preskaŭ artefaritaj, formis trioblajn heĝojn ĉe ambaŭ flankoj de la larĝa, brile gas-lumigata ŝtuparo. La petaloj de la krizantemoj, tiuj en la malantaŭo helruĝaj, tiuj en la mezo densflavaj kaj tiuj en la antaŭo pure blankaj, ĉiuj estis distaŭzitaj kvazaŭ kvastoj. Kaj proksime de tie, kie la heĝoj de krizantemoj finiĝis, de la balhalo ĉe la supro de la ŝtuparo, jam senĉese elfluadis gaja orkestro-muziko, kiel nesubpremebla spiro de feliĉo.

Akiko estis edukita paroli france kaj danci. Sed tiun vesperon, ŝi estis ĉeestonta formalan bal-kunvenon por la unua fojo en sia vivo. Pro tio, kiam ŝia patro alparolis ŝin de tempo al tempo en la kaleŝo, ŝi ĉiam donis nur malatentajn respondojn. Tiom profunde enradikiĝis en ŝia brusto nekvieta sento, kiu povus esti difinata kiel ĝoja maltrankvilo. Gis la kaleŝo haltis antaŭ la Rokumeikwan, plurfoje ŝi levis la senpaciencajn okulojn kaj rigardis tra la fenestro al la malabundaj lumoj de stratoj de Tôkyô, kiuj preterpasis ekstere.

Sed enirinte la Rokumeikwan, ŝi tuj renkontis aferon, kiu forgesigis al ŝi la maltrankvilon. Duonvoje sur la ŝtuparo, ŝi kaj ŝia patro atingis ĉinan oficiston suprenirantan tuj antaŭ ili. Kaj kiam la oficisto flankentiris la dikan korpon por lasi la vojon al ili, li ĵetis la surprizitan rigardon al Akiko. Naiva figuro en simpla rozkolora balrobo, helblua rubando ĉirkaŭ la belforma kolo, unusola rozo parfumanta ĉe la malhela hararo, kun ĉio ĉi, vere Akiko en la vespero posedis la plenan belecon de la knabinoj de la leviĝanta Japanujo, beleco, kiu povis mirigi la okulojn de la ĉina oficisto kun longa harligo malsupren pendanta sur la dorso. Kaj ĝuste kiam ŝi rimarkis tion, ankaŭ juna japano en frako, kiu rapide malsuprenvenis la ŝtuparon, trapasante ilin, turnis la kapon iomete, kvazaŭ pro refleksa movo, kaj same donis rigardon de surprizo de malantaŭe al Akiko. Kaj pro ia kaŭzo, kvazaŭ stimulite de ia ideo, li metis la manon al sia blanka kravato kaj daŭrigis rapide malsupreniri tra la krizantemoj al la vestiblo.

Kiam ili atingis la supron de la ŝtuparo, tie, ĉe la pordo de la balhalo sur la unua etaĝo, ili trovis grizbarban grafon, gastiganton de la vespero, kun la brusto kovrita per brilantaj ordenoj, kaj la grafinon pli aĝan ol li mem, vestita ĝis la lasta grado de perfekteco en robo de Louis XV. Ili ambaŭ, kun digno, estis akceptantaj la gastojn de la vespero. Sed Akiko ne malsukcesis rimarki la momentan esprimiĝon de naiva admirado, kiu aperis kaj tuj estingiĝis eĉ en la ruza, maljuna vizaĝo de la grafo. Ŝia bonkora patro, kun feliĉa rideto, prezentis ŝin mallonge al la grafo kaj grafino. Ŝi spertis la alternadon de sentoj de honto kaj fiero. Sed, eĉ dume, ŝi havis la tempon rimarki, ke ie en la aroganta trajto de la grafino troviĝas tuŝo da vulgareco.

Ankaŭ en la balhalo, ĉie floris krizantemoj en belega abundo. Kaj ĉie la puntoj, floroj kaj eburaj ventumiloj de la sinjorinoj, atendantaj la kunulojn, moviĝis kiel silentaj ondoj en la refreŝiga dolĉeco de parfumo. Akiko tuj disiĝis de sia patro kaj aliĝis al unu el la grupoj de la brilantaj junulinoj. Ili ĉiuj estis knabinoj de ĉirkaŭ la sama aĝo, vestitaj en similaj helbluaj aŭ rozkoloraj balroboj. Bonvenigante ŝin, ili ĉirpis mallaŭte kiel birdetoj, kaj parolis kun admiro pri ŝia beleco en tiu vespero.

Apenaŭ ŝi eniris la grupon, kviete paŝis al ŝi franca mararmea oficiro, kiun ŝi neniam vidis antaŭe. Kvankam kun brakoj mallerte pendantaj, li ĝentile salutis ŝin laŭ la japana maniero. Akiko konsciis iomete da sango kolektiĝi en siaj vangoj. Sed la signifo de tiu saluto estis klara sen ia demando. Do, ŝi turnis sin al la najbara knabino en helblua robo por peti ŝin teni ŝian ventumilon. Kiam ŝi turniĝis, al ŝia surprizo, la franca oficiro, kun rideto sur la vangoj, diris klare al ŝi en la japana lingvo kun stranga akcento.

»Ĉu vi ne bonvolas danci kun mi?«

Post momento, Akiko estis dancanta kun la franca oficiro valson »La Blua Danubo«. Li havis sunbruligitajn vangojn, klare belan trajton kaj densajn lipharojn. Ŝi estis tro malalta por atingi kaj meti sian manon kovritan per longa ganto sur la maldekstran ŝultron de lia uniformo. Sed la sperta oficiro traktis ŝin lertege kaj dancis kun ŝi malpeze tra la homamaso. Ofte li eĉ flustris afablan flataĵon en ŝian orelon en la franca lingvo.

Repagante liajn ĝentilajn vortojn per hontema rideto, ŝi rigardis, de tempo al tempo, ĉirkaŭ la balhalon, en kiu ili dancis. Inter la maro de homoj, sub la kurteno de purpura silk-krepo kun la Imperiestra blazono, aŭ sub la ĉina nacia flago, sur kiu blua ungoetendanta drako kaŭris, briladis la gaja arĝentkoloro aŭ melankolia orkoloro de la krizantemoj en



Hans von Marées: *Rajdulo kaj nimfo*

# El „La Trofeoj" de J. M. Heredia

— K. Kalocsay —

**Nemeo**

*De kiam la Venkanto tra l' arbarego muska*
*ekĉasis, postserĉante laŭ la timiga spuro,*
*perfidis la mortlukton nur sola blekmurmuro;*
*silentas ĉio; dronis en nub' la sun' krepuska.*

*Fuĝante al Tirinto tra kampoj, dens' arbusta,*
*sin turnas la paŝtisto en la timega kuro,*
*kaj vidas per okuloj larĝegaj de teruro,*
*ke staras arbarrande la Best' en halt' embusko.*

*Ekkrias: la Nemean Teruron li ekvidis,*
*l' armilan faŭkon, kiu al sanga ĉiel' rigidis,*
*kaj la sinistrajn dentojn, hararon dise dornan.*

*Ĉar l' ombro grandigita de l' vesperruĝo brula*
*faras sub la flirtanta horora fel' Herkula,*
*kun hom' miksante beston, heroon monstroforman.*

**Stimfalo**

*Kaj antaŭ li, milope, sin ĉie birdoj ĵetis*
*de l' loko, kie venis nun la hero' marĉborde,*
*kaj flugis, kiel bruska ventega paŝ', senorde,*
*al lag' funebra, kies ondaro jen plaŭdetis.*

*Aliaj, pli basfluge, krozvojojn nigrajn retis,*
*la frunton, de Omfale kisitan, tuŝis horde,*
*sed la triumfan sagon havante jam surkorde*
*l' Arkist' superba tiam tra l' kanoj paŝon metis.*

*Kaj nun, de l' terurita nubaj', per lia kribro,*
*horora pluv' ekpluvis kun kriĉo kaj kun siblo,*
*ĝin traradiis lumo per murdaj fajro-truoj.*

*Kaj fine, jen ekvidis la Sun' tra l' nuboj zumaj,*
*kie per lia arko estiĝis breĉoj lumaj,*
*Herkulon sangan ridi al la ĉielaj bluoj.*

**Nesso**

*Tra l' tempoj, dum mi vivis je l' fratoj tutsimila,*
*pri sort' alia same sen tim' kaj sen deziro,*
*la Tesaliajn montojn mi estris en vagiro,*
*en la torentoj freŝaj sin banis korp' ruĝvila.*

*Mi kreskis granda, bela, libera kaj sunbrila.*
*Nur tra l' aer', sorbita per larĝa naz-enspiro,*
*varma odor' de l' inaj ĉevaloj de Epiro*
*faris kelkfoje kuron aŭ sonĝon maltrankvila.*

*Sed ek ke mi l' edzinon triumfan povis vidi,*
*en brakoj de l' Arkisto Stimfala rave ridi,*
*deziro harstariga min pelas per veneno.*

*Ĉar unu dio, falu malben' sur lian nomon,*
*miksis al mi, en sango febranta de l' ingveno,*
*seks-ardon virĉevalan kun am' reganta homon.*

**La centaŭrino**

*Travagis iam boskojn, torentojn, rokojn, valojn*
*centaŭra ras' fiera en svarmo nenombrebla,*
*la sun' kun ombro ludis sur haŭto ame febra,*
*ili en niajn blondajn miksis la nigrajn harojn.*

*Somer' jam vane floras. Ja solaj la herbarojn*
*ni tretas jam. Dezertas la grot' kun denso vepra,*
*kaj ofte mi ektremas en varma nokt' funebra*
*aŭdante voke heni de fore virĉevalojn.*

*Ĉar tiuj tag-al-tage malpliiĝintaj grupoj*
*de l' admirindaj idoj naskitaj de la Nuboj,*
*nin lasas jam, hominon peladas kun am-spleno.*

*Eĉ am' ilia brute degradas nian sinon;*
*la kri', el ni ŝirita de ili, estas heno,*
*dezir' ilia premas en ni nur ĉevalinon.*

**Centaŭroj kaj lapitoj**

*La nupta svarm' sin ĵetis al festaj tabl-okupoj:*
*centaŭroj, batalantoj, ebriaj, hardaj, belaj;*
*miksiĝis karn' heroa, en torĉo-briloj helaj,*
*al la ardruĝaj feloj de l' filoj de la Nuboj.*

*Ridoj, tumulto... Krio! Sub la purpur' en ruboj*
*l' Edzin malhonorita sur nigra brust' anhela*
*baraktas; bronzoj tintas de hufbatad' martela;*
*la tablo renversiĝas inter kirliĝaj trupoj.*

*Sed vir', ĉe kiu nanas grandulo plej impona,*
*leviĝas. Sur la verto faltiĝas naz' leona*
*inter la stariĝintaj orharoj. Jen Herkulo.*

*Kaj, de la unu ekstremo de l' vasta festĉambrego*
*ĝis la ekstrem' alia, tiu monstrega grego*
*bridiĝas de l' kolera teruro de l' okulo.*

**Fuĝo de centaŭroj**

*Ebrie de ribelo kaj murdo, l' eskadrono*
*fuĝis al monto kruta, gardanta pri l' retreto,*
*de tim' ĵetite, sentis la morton jam en preto,*
*kaj flaris en la nokto odoron de leono;*

*kuris tra veproj, fendoj, torentoj, rokoŝtono,*
*lacerton, hidron plandis en nebridebla treto,*
*kaj surĉiele altis jam fore la silueto*
*de l' Ossa, de l' Olimpo, kaj, nigre, de l' Peliono.*

*Kelkfoje rifuĝinto de l' kruda hordo haltas,*
*kun bruska baŭm' sin turnas, rigardas — kaj eksaltas,*
*per sola sving' sin kroĉas al frata grego trema,*

*vidinte, ke de l' Luno blindige plene brula*
*longiĝas jam post ili, fortimigil' ekstrema,*
*la hororaj' giganta de l' ombro la Herkula.*

---

vazoj. La maro de homoj, stimulite de la vento de gaja melodio de germana orkestro, kiu venis bolŝaŭmante kiel ĉampano, neniam haltigis, eĉ por momento, sian kapturnan tumulton. Kiam la rigardoj de Akiko kaj unu el ŝiaj amikoj, ankaŭ dancanta, renkontiĝis reciproke, ili kapsignis ĝoje, rapide preterpasante. Sed en tiu momento, jam aliaj dancantoj, kirliĝantaj kvazaŭ furiozus grandaj noktpapilioj, aperis inter ili.

Dume, ŝi observis, ke la mararmea oficiro atentas ĉiujn ŝiajn movojn. Tio bone montris, kiom multe interesis ŝia viveca dancado tiun ĉi fremdulon nealkutimiĝintan al Japanujo. Ĉu ankaŭ tia bela fraŭlino loĝas, kvazaŭ pupo, en domo el papero kaj bambuo? Kaj ĉu per maldikaj metalaj bastonetoj ŝi elprenas por manĝi grajnojn de rizo el te-taso tiel granda kiel manplato, kun blua floro pentrita sur ĝi? Ŝajnis, ke tiaj demandoj, kune kun amema rideto, multfoje iris kaj revenis en liaj okuloj. Por Akiko tio estis amuza, kiel ankaŭ kontentiga. Tial ĉiufoje, kiam lia surprizita rigardo falis al ŝiaj piedoj, ŝiaj sveltaj etaj rozkoloraj danc-

ŝuoj iris glitante tiom pli facile sur la glata planko.

Fine la oficiro rimarkis la laciĝon de la fraŭlino simila al malgranda aminda kato. Li enrigardis ŝian vizaĝon kun afablaj okuloj kaj diris.

»Ĉu ni dancu plu?«

»Non, merci,« (ne, dankon) diris Akiko ekscitite, sed klare.

La franca oficiro, daŭrigante la paŝadon de la valso, kudris sian vojon tra la ondoj de puntoj kaj floroj moviĝantaj antaŭen-malantaŭen, dekstren- maldekstren, kaj gvidis ŝin senĝene al la krizantemoj en vazoj apud la muro. Kaj post la lasta turniĝo, li sidigis ŝin lerte sur seĝo tie, kaj unu fojon etendinte sian bruston en la milita uniformo, ree respektoplene faris al ŝi profundan japanan riverencon.

Ankoraŭfoje dancinte polkon kaj mazurkon, Akiko, brako en brako kun tiu ĉi franca mararmea oficiro, malsupreniris la ŝtuparon inter la heĝoj de blankaj, flavaj kaj helruĝaj krizantemoj al granda halo.

Tie, en la mezo de frakoj kaj blankaj ŝultroj moviĝantaj senĉese tien kaj reen, sur multaj tabloj ŝarĝitaj per arĝentaj kaj vitraj manĝiloj, estis amasigitaj montoj da viando kaj trufoj, starigitaj turoj da sandviĉoj kaj glaciaĵo, aŭ konstruitaj piramidoj da granatoj kaj figoj. Ĉe unu angulo de la ĉambro, sur la muro, kie la krizantemoj forgesis ornami, estis belega orumita krado kun lertmane artefaritaj vitoj grimpantaj kun siaj verdaj folioj. Inter la folioj, grapoloj de vinberoj similaj al vespaj nestoj pendis en purpura abundo. Antaŭ tiu ĉi ora krado, Akiko trovis sian kalvan patron fumanta cigaron kun alia samaĝa sinjoro. Kiam la patro vidis ŝin, li kapsignis iomete kun evidenta kontento, sed ne plu atentante ŝin, turnis sin al sia kunulo kaj daŭrigis la fumadon.

La franca oficiro iris al unu el la tabloj kun Akiko kaj ili prenis la kulerojn de glaciaĵo. Dum la manĝado, ŝi rimarkis, ke liaj okuloj estis ofte tirataj al ŝiaj manoj, haroj aŭ kolo kun la helblua rubando. Tio ĉi, komprenenble, ne estis malagrabla por ŝi. Sed iun momenton, ŝi ankaŭ ne povis malhelpi la ekbrilon de virineca dubo kuri tra ŝia koro. Do, kiam preteriris du junulinoj, ŝajne germaninoj, en nigraj veluraj vestaĵoj, kun ruĝaj kamelioj ĉe la brustoj, ŝi eligis laŭdan vorton por sugesti ĉi tiun dubon.

»Vere, kiel belaj estas eŭropaninoj!«

Kiam la oficiro aŭdis tion, kontraŭe al ŝia supozo, li skuis la kapon serioze.

»Ankaŭ japaninoj estas belaj. Precipe vi...«

»Mi ne estas tia...«

»Ne, mi ne flatas. Vi povus aperi en pariza balo, senŝanĝe, kiel vi estas nun. Se vi aperus, ĉiuj surpriziĝus. Ĉar vi similas la princinon en la bildo de Watteau.«

Akiko ne sciis, kiu estas Watteau. Pro tio, la bela vizio de la pasinteco, revokita de la vortoj de la oficiro — la vizio de fontano en malluma arbaro kaj velkanta rozo — post momento devis nur malaperi sen ia postsigno. Sed la knabino, kun neordinara sentemo, movante la kuleron de glaciaĵo, ne forgesis kapti ankoraŭ unu temon, pri kiu ŝi volis paroli.

»Mi volas viziti parizan balon kaj rigardi, kia ĝi estas.«

»Ne, pariza balo estas ekzakte sama kiel tiu ĉi.«

Dirante tion ĉi, li rigardis ĉirkaŭen al la maro de homoj kaj krizantemoj ĉirkaŭanta la tablon, kie ili sidis. Sed subite, en la momento, kiam malgranda ondo de ironia rideto ŝajnis ekmoviĝi en la profundo de liaj okuloj, li demetis la kuleron de glaciaĵo kaj aldonis



Paul Signac *Velŝipoj en haveno*

duone por si mem.

»Ne nur en Parizo. Baloj estas ĉie ĝuste samaj.«

Post unu horo, Akiko kaj la franca oficiro estis starantaj brako en brako sur balkono ekster la balhalo, sub la stela ĉielo, kun multaj aliaj japanoj kaj fremduloj.

Ekstere trans la balustrado, la pinarboj kovrantaj la vastan ĝardenon staris silente kun siaj branĉoj interplektitaj, kaj tie kaj ĉi tie, de inter iliaj branĉetoj filtriĝis la lumoj de malgrandaj ruĝaj paperlanternoj.

En la fundo de la malvarmeta aero, la aromo de la muskoj kaj defalintaj folioj, leviĝanta de la suba ĝardeno, ŝajnis flosiganta apenaŭ distingeble la spiron de soleca aŭtuno. En la balhalo tuj malantaŭ ili, ankoraŭ la sama maro de puntoj kaj floroj daŭrigis la senĉesan movadon, sub la kurteno de purpura silkkrepo kun la tinkturitaj dekses-petalaj krizantemoj (blazono de la japana Imperiestra familio.) Kaj ankoraŭ sur la maron de homoj, la kirlvento de altatona orkestro-muziko senkompate donadis vipobatojn.

Komprenemble ankaŭ de sur la balkono, vivaj paroloj kaj ridoj agitis senĉese la noktan aeron. Plie, kiam belegaj raketoj estis pafitaj en la ĉielon super la mallumaj pinoj, ofte sono, aŭ preskaŭ kriego, venis de la gorĝoj de la homoj sur la balkono. Starante en la mezo, Akiko estis interŝanĝanta jam de longe gajajn babiladojn kun amikoj-junulinoj. Sed turnante sin al la franca oficiro, ŝi trovis lin, kun la brako ankoraŭ sur ŝi, rigardanta silente al la stela ĉielo super la ĝardeno. Tio ŝajnis al ŝi ial, ke li sentas ian nostalgion. Ŝi ŝtele enrigardis lian vizaĝon kaj demandis en duone koketa tono.

»Vi enpensiĝis pri via propra lando, ĉu ne?«

La mararmea oficiro, ĉiam kun rideto en la okuloj, turnis sin kviete al ŝi, kaj anstataŭ respondi »Non« (ne), li skuis la kapon kiel infano.

»Sed vi ŝajnas meditanta pri io.«

»Divenu pri kio.«

Guste tiam, intêr la homoj sur la balkono, okazis ankoraŭfoje bruado, kiel vento. Kvazaŭ laŭ interkon-

# Vojaĝo en Faremidon

— Frederiko Karinthy —

SEPA ĈAPITRO.

*La Terglobo kiel solasi. / La malsana mondo. / Midore maltrankviliĝas pro la vivo de l' Tero. / La konscio kaj la instinkto, dukapa monstro.*

La supereco kaj la certeco, per kiuj Midore — responde al miaj vortoj — parolis pri la historio de l' Homaro, surprizis min nur ĉe la unuaj vortoj. Baldaŭ mi devis rekoni, ke ili konas ĉi tiun historion el ĝiaj eksteraj fenomenoj same bone, kiel mi, eĉ, ŝajnas, ke pli bone ol mi. Mi volus mallonge resumi la mirindan ekkonon, kiun liaj klarigoj rivelis al mia mirkonsternita menso.

Mi menciis jam, ke la solasi-oj disponas pri tiaj teleskopoj, per kies helpo ili de kelkaj dekmiljaroj observas la vivon de nia planedo Tero, ĝis la plej bagatelaj detaloj, kiel ni observas la akvoguton per niaj mikroskopoj. Kun miro mi eksciis nun el la vortoj de Midore, ke ili rigardas la Terplanedon simple kiel primitivan, regresintan, degenerintan, malsanan solasi-on, kiel estaĵon, neorganike vivantan, similan al ili mem, el kiu estus devenintaj samtiaj solasi-oj, kiaj ili estas, sed kiun proksimume antaŭ sesdekmil jaroj atakis malsano nomata dosifare, parazitoj nomataj *dosire*, kiujn ni nomas homo kaj besto kaj kiuj troviĝas malofte, sporade ankaŭ ĉe ili. Sed la kompatindan solasion, kiu nomiĝas Tero, ili tiel trasvarmis, ke ĝi tute kripliĝis kaj ĝia saniĝo povas daŭri ankoraŭ longtempe. Li, Midore, kiu vivas en Faremido jam de sepdekmil jaroj en la sama strukturo, observis dekomence la tutan procezon; li vidis, kiel naskiĝis la malsano kaj kiel ĝi evoluis. Vidante, ke min interesas la afero, kaj rimarkinte el miaj vortoj, ke mi eĉ havas ian palan koncepton pri la okazaĵoj, volonte li rakontos al mi siajn spertojn, ĉar tio, ke ankaŭ mi estas simpla dosire, ne malhelpas certgradan komprenon pri la aferoj; ja en la unuaj monatoj jam sukcesis al ili loki en mia cerbo certajn neorganikajn substancojn, kiuj ĝin jam multe kuracis. Cetere tio estas eksperimenta demando, kiun mi poste komprenos.

Poste Midore rakontis, ke li mem observas la solasi-on nomatan Tero fakte de preskaŭ sesdekmil jaroj, ĉar tiu ĉi demando lin interesis kaj li konjektis, ke tie estas io misa. La organoj de la Tero: montoj, fajroj, akvoj evoluis bele dum iom da tempo. Sed en certa tempo li rimarkis kun bedaŭro, ke en unu el ĝiaj multnombraj valoj naskiĝas tute etaj dosire-oj. (Kiam mi pridemandis, Midore precize difinis ĉi tiun lokon kaj el liaj vortoj mi rekonis la regionon de la Ganges kaj Eŭfrates.) Verŝajne malmulte da varmo kaj elektro estis sur tiu loko. (Ĉar mi devas scii, ke la varmo kaj elektro, lumo kaj sono estas por la solasi la sama, kio por ni la sango.) La malsano rapide disvastiĝis kaj iom post iom kovris la tutan teritorion, kiun mi nomas Azio, li: la ventro de l' Tero. Tiutempe la solasi nomata Tero estis ankoraŭ sufiĉe sana por povi interrilatiĝi kun li per sonoj: ĝi plendis pro sia malsano kaj li, Midore, konsilis al ĝi, ke ĝi direktu iom da varmo en la malsanan lokon, ĉar ili ambaŭ rapide rekonis, ke la dosire estas tre mizera kaj senpova parazito, kiun apenaŭ kelkgrada temperatur-altiĝo, apenaŭ okdek aŭ cent gradoj mortigas, ekstermas.

Sed la Tero neglektis la aferon kaj la malsano, kiun mi nomis Vivo, pli kaj pli disvastiĝis. Estas interese, ke foje li, Midore, volis helpi al ĝi kaj el aparato farita por ĉi tiu celo li sendis radiojn sur la korpon de la Tero por ĝin kuraci, la radioj eligis varmegan akvon el la malsana korpo kaj la dosire-oj, la bakterioj milionope pereis en ĉi tiu, akvo. Jam ŝajnis, ke li sukcesis ilin tute ekstermi kaj kuraci la kompatindan solasi-kunulon. Tiutempe li tre serioze okupiĝis pri ĉi tiu demando kaj per la helpo de certaj lensoj li observis la naturon kaj konduton de la dosire-oj kaj iliajn vivkondiĉojn: ĉar nur tiamaniere li povis pensi pri definitiva ekstermo de la tuta malsaniga raso. Kiam la varmega akvo komencis ŝpruci, la dosire-oj teruriĝinte rifuĝis, kuradis sur la surfaco de l' Tero; tiutempe ili estis en tiu grado de sia evoluo, kiun mi nomis Prahomo aŭ Prasimio, do Instinkt-estaĵo. Nu — diris Midore ironie — ĉi tiuj Prahomoj kondutis tre strange je la efiko de l' varmega akvo, kiu ne pereis tuj, tiu kuris en la kampojn — li ankoraŭ bone rememoras ilin — kaj tie ili tumultis veante kaj terurite. Ankoraŭ estas klara antaŭ li la tuta bildo, kia li ĝin observis tra la mikroskopo: el amaso de la kirliĝantaj kaj sufokiĝantaj dosire-oj sin apartigis forte evoluinta ekzemplero,

---

sento, Akiko kaj la oficiro haltigis la parolon kaj turnis la rigardon al la nokta ĉielo, kiu pezis preme super la pinoj de la ĝardeno. Tie, ruĝa kaj blua raketo, jetinte siajn araneajn krurojn en la mallumon, estis ĝuste malaperonta. Por Akiko, pro ia kaŭzo, tiu raketo estis tiel bela, ke ĝi preskaŭ faris ŝin malgaja.

»Mi estis meditanta pri la raketo. La raketoj, similaj al niaj vivoj,« diris la franca mararmea oficiro, ĝentile rigardante malsupren en la vizaĝon de Akiko kaj kvazaŭ instruante ŝin.

II.

Estis aŭtuno en la sepa jaro de Taisyo (1918). La tiama Akiko, sur la vojo al sia vilao en Kamakura, renkontis hazarde en la vagono, junan noveliston, al kiu ŝi havis iomete da konateco. La junulo havis sur la breto supre, bukedon de krizantemoj, kiun li intencis alporti al sia amiko en Kamakura. La tiama Akiko, kiu estis nun la maljuna sinjorino H., diris al li, ke ŝi ne povas vidi krizantemon, ne rememorante historieton kaj rakontis al li detale pri sia rememoro de la balo en la Rokumeikwan. Li ne povis ne senti profundan intereson, kiam li aŭdis tian rememoron el la buŝo de la virino mem.

Kiam la rakonto finiĝis, li demandis sencele.

»Sinjorino, ĉu vi ne konas la nomon de tiu franca oficiro?«

La maljuna sinjorino H. donis al li neatenditan respondon.

»Jes komprenebla. Lia nomo estis Julien Viaud.«

»Do, tio estis Loti, ĉu ne? Tio estis Pierre Loti, kiu verkis »Madame Chrysanthème« (Sinjorino Krizantemo), ĉu ne?«

La junulo sentis agrablan ekscitiĝon. Sed la maljuna sinjorino H. simple enrigardis lian vizaĝon kun miro kaj murmuris kaj murmuris.

»Ne, lia nomo ne estis Loti. Li estis Julien Viaud.«

El la japana: *K. H. Sisido, Kioto.*



Meunier *Ŝarĝlaboristo*

ĝi kuris flanken, poste ĝi subite eklevis siajn palpilojn aŭ brakojn kaj montris supren, al tiu direkto, de kie li, Midore, sendis al ili la detruantajn radiojn kaj de kie li rigardis ilin tra la mikroskopo. Jes, li montris rekte al la okuloj de Midore kaj tiam ankaŭ la ceteraj turniĝis tien, poste ili falis sur la teron kaj kriadis al li ion genuante, kun suprenlevitaj brakoj. Tiam sub ili erupciis la varmega akvo kaj ili ĉiuj pereis. Poste li pli ofte observis ĉi tiun kutimon de la dosire-oj, ke kelkfoje, kelkajn minutojn antaŭ sia pereo, ili subite suprenlevas siajn vizaĝojn tiudirekten, kie la solasi-oj loĝas, kvazaŭ atendante helpon de tie, de kie venas tiu pereo.

Poste Midore rimarkigis, ke post iom da tempo li ĉesigis ĉi tiun manieron de kuraco. Nome, li rekonis, ke ĝi tute ne estas necesa: li ripetas, ke la dosire estas malsana malsano, kiu sin mem pereigas per la helpo de tiu organo, kiu havas sian sidejon kutime en la supra parto de l' besto, en la kapo, kaj kiun mi nomis instinkto. Estas do plej bone, se oni atendas, ĝis la malsano ĉesas per si mem: oni atendas, ĝis la dosire-oj kovros la tutan Teron kaj en korpa senco plene evoluos, tiam, laŭ la sperto, la organo de l' instinkto ja aranĝos mem la ceteron: la dosire-oj atakos unu la alian, unu en la alia sin mem, kaj komenciĝos la pereo, la morto de l' malsano. Malkovriĝis, ke la dosire-oj volas subteni sian vivon tiamaniere, ke ili manĝas unu la alian, en centspeca formo; el tio evidentas, ke la tuta afero ne povas longe daŭri, ĉar devas perei ĉiu aparato, kiu la materion necesan por sia vivo prenas ne elekstere, el mondo al si nesimila, transformante ĝin por siaj celoj, sed kiu elinterne, el si mem konsumas ĝin denove kaj denove. Ĉu ne, la boaton oni ne povas antaŭenmovi elinterne, nur se oni apogas sin al la akvo ekstere, per helpo de remiloj; ankaŭ la boato de l' vivo haltas, se ĝi ne havas remilojn, kiuj mergas siajn platojn en la realan eston. Alivorte: la maltrankvilo de Midore, ke la parazitaj dosire-oj pereigos la kompatindan Teron, manĝos ĝin kaj tiel triumfos super ĝi, pruviĝis troigita: la dosire-oj uzis la Teron nur por eliĝi el ĝi kaj poste, dank' al la organo de l' instinkto, ili atakis unu la alian.

Do li estis tute trankvila pri la sorto de sia suferanta solasi-kunulo Tero; li sciis antaŭe, ke la dosire-oj, kiel ajn ili obsedas ĝian korpon dum iom da tempo, certe pereos fine kaj la Tero resaniĝos. Estas vere — li devas konfesi —, ke estis tempo, kiam li serioze ektimis kaj kredis, ke la malsano iĝas serioza kaj fatala: tio estis certe en la tempo, kiam laŭ miaj vortoj en la cerbo de la dosire, kiun mi nomis homo, subite ekevoluis nova organo, tiu kiun mi nomis organo de konscio. Ĉi tiu organo vere povis esti danĝera por la Tero, ĉar per ĝia helpo la dosire nomata homo rekonis, ke la rimedo por resti vivanta ne estas tio ke la vivo detruas sin mem, sed, ke ĝi prilaboras la materion necesan por vivo per ĉiu sia kapablo, forto kaj volo el la neorganika Tero kaj kreas el ĝi perfektaĵon. Ĉi tiu organo evoluis en la cerbo, interne de la organo de l' instinkto: oni povis timi, ke ĝi plene evoluos, ĝi subpremos, kaj superfluigante definitive forigos la organon de l' instinkto, okupos ties lokon, ekkonos la esencon de la ekzisto kaj komprenante la neperfektecon, la putremon de l' organika korpo ĝi substituos tion per la neorganika, daŭra, nepereema materio de la solasi kaj fine ĝi venkos la morton, alivorte ĝi ĉesos esti malsano, do efemera fenomeno.

Oni devis serioze timi tion: la laboro komenciĝis per la helpo de la konscio, ili komencis bori, skulpti la Teron, ili komencis uzi ties sangon: varmon kaj elektron, kaj la dosire ĉiam pli kaj pli fortiĝis. Jen, fine



Van Gogh *Vintra pejzaĝo*

# Packonferencoj

— Georgo Verda —

Por kiu oni ludas la komedion en Genevo, Parizo, Berlino kaj Londono? Kiun jam ĝenerale interesas la diplomataj konversacioj, riverencoj kaj reciproka flatado? Kiu ankoraŭ, krom la oratoroj mem, kortuŝiĝas pri tiuj emfazaj paroladoj kaj promesoj, kiujn la ĉefurboj konigas al la mondo per paktoj kaj telegrafagentejoj? La spektaklo jam tedas kaj la publiko jam delonge endormiĝis. Kaj oni ricevas la impreson, ke la aktoroj en sia fervoro tute forgesis sin, ke ili ludas el la nura deziro ludi, ke ia vanteco kaptis ilin ĉiujn, kaj ili reciproke eĉ aplaŭdas unu la alian.

Kien foriĝis la influo, kiun tiuj kleraj diplomatoj devis elporti el la mondfamaj universitatoj, kie ili studis la plej grandajn kaj plej noblajn pensulojn kaj filozofojn de l' homaro? La mondmilito estis ja la plej bona lernejo, sed la kugloj kaj grenadoj tro forte kontuzis la kapojn de la studantoj, kiuj ne kapablis aŭ ne volis konkludi la valoron de la ricevitaj instruoj. Teruro inundas la koron, kiam oni konsciigas al si la senrespondecon de tiuj, kiuj svingas en siaj manoj la mondon kiel ludilon.

Kiam oni observas ĉion ĉi, kio okazas sur la malgranda kompatinda terglobo, tiun reton de grandiozaj intrigoj, en kiujn unu implikas la alian, tiun senhontan arogantecon, kun kiu pri la paco parolas homoj, kies nura misio estas semi ruinon kaj panikon, tiam volenevole venas en la kapon la penso, ke verdire ni, naivaj pacamantoj, naskiĝis en neĝusta tempo, aŭ almenaŭ obsediĝis de malbonaj, malutilaj, danĝeraj influoj. Kaj ni volus malbeni ĉiujn poetojn kaj filozofojn, kiuj forĝis en niajn mensojn stultajn instruojn pri homaro, kaj disflamigis en niaj koroj malsaĝan amon al la paco. Kiu do bezonis ilin, tiujn Sokratojn kaj Tolstojojn kial oni ne bruligis tiujn spiritajn kriplulojn tuj kiam iliaj unuaj vortoj estis konigataj al la mondo? Nun oni provas bruligi iliajn librojn sur publikaj ĉefurbaj placoj! Tro malfrue. La gangreno, kiun tiuj frenezuloj semis, alkroĉis sin al niaj animoj kaj dismordas ilin senkompate. Ni estas perditaj senespere.

Ni devas adapti nin al la racio reganta la nunan epokon. Ni devas klare ekkompreni, ke packonferenco ne signifas laŭvorte kunvenon de bonvolemaj homoj, kiuj serĉas la pacon. Tiel same, kiel ĉiu nova kanono aŭ militŝipo devas esti konsekrata de pastro, kiu en nomo de homamo benas ĝin, tiel same la t. n. packonferenco estas nur laŭmora ceremonio, kiu antaŭiras novan konflikton aŭ konstruadon de kelkdek novaj militŝipoj kaj kelkcent kanonoj. Tia rito ili estas, tiuj packonferencoj. Kaj se vi tiamaniere perceptos ilian esencon, tiam ili ne seniluziigos vin, nek tedos vin, sed kontraŭe: ili ĉiam vigle amuzos vin, kiel ekz. ĉiu pompa defilado. Kaj ne forgesu, ke oni ne povas tute sen vorto, sen antaŭa festenado aranĝi konflikton aŭ deklari militon. *Noblesse oblige*. Por provoki skandalon oni kutime antaŭe trinkas iom da brando, kuraĝigas la animon k. t. p. Ne zorgu — la skandalo jam eksplodos de si mem, spontane.

Jam delonge pasis tiu tempo, kiam tiaj homoj, kiel Emile Zola kaj Leo Tolstoj kapablis skui ĝisfunde la konsciencon de l' mondo. Hodiaŭ oni scias, ke »konscienco« estas elmodiĝinta arkaikajo aŭ ĝenerale iluzio, trompanta kaj deloganta la homojn. Kaj se ĝi eĉ ekzistas, nenio kapablas skui ĝin pli forte ol novtipa kanono kaj militŝipo. La mondo ne estas ja freneza: se oni en tiom abunda amaso pligrandigas la armilaron, oni ja scias, kion oni faras!

Packonferenco estas tia kunveno internacia, en kiu reprezentanto de unu ŝtato konsilas al la reprezentanto de alia ŝtato, ke ĝi — tiu alia ŝtato — senarmigu sin. Kaj diplomato estas tia homo, kiu kun eksterordinara mildeco kaj pacienco aŭskultas, kion diras lia kolego, la reprezentanto de la alia ŝtato, kaj senprokraste sugestas al sia registaro la konstruadon de kelkdek novaj ŝipoj plej moderne ekipitaj. Kompreneble la dua diplomato ne restas malantaŭe kaj li ordonas starigi en sia ŝtato tiom pli grandan kaj fortan ŝiparon. Poste ambaŭ diplomatoj »interŝanĝas« dum temanĝo ĉe la lazura bordo kelkajn parolojn de tre grava politika signifo kaj oni venas al la konkludo, ke pri la neebleco starigi la mondpacon kulpas kompreneble alia diplomato, la reprezentanto de la tria ŝtato...

---

el la dura materio ĝi jam povis konstrui por si ankaŭ flugilojn, tiel ke ĝi danĝere komencis simili — eta, malgranda vermo, kia ĝi estis — al la senmortaj solasi-oj. »Mi diras« — aldonis Midore — »ke dum certa tempo mi serioze maltrankvilis, ke per la helpo de la konscio ĝi triumfos pri materio kaj morto, sed poste foje mi precize ekzamenis la etan korpon de la dosire, mi ĝin malfermis per helpo de tenajloj kaj tra lupeo mi observis la danĝeran, etan cerbon, kaj tiam mi trankviliĝis. Mia supozo, ke la organo de la konscio ekstermis tiun de l' instinkto, pruviĝis falsa. En la neperfekta cerbo de l' eta estaĵo estas nekuracebla, organa difekto: nekuracebla organa malsano. Ĉi tiu raso ne povas sin vivteni, ĝi devas perei, ĝi suferas pro morta, organa malsano, kiu pli-malplifrue finos pri la tuta raso. Ĉu vi scias, kio okazis? La organo de la konscio, kiu ĝermis el la instinkto kaj kies rolo estus, ke evoluonte ĝi okupu la lokon de la instinkto: ĉi tiu organo pro ia stulta hazardo, glitis el la instinkto, komencis aparte kreski en la antaŭa parto de la cerbo, kaj kontraŭflanke al ĝi, en la posta segmento de la cerbo, senembarase kaj trankvile plu evoluis ankaŭ la instinkto. Ĉu vi scias, kio estas tio? La kuracistoj ĝin nomas: gravedo eksterutera, pro kio pereas kaj la patrino kaj la infano. Du organoj, en la servo de ĝuste kontraŭaj celoj, unu serĉas la vivon, la alia la morton. Pro ĉi tiu difekto ĉiu homo estas dukapa monstro, ĝi devas perei tuj, se la du duonsegmentoj, tiu de l' instinkto kaj tiu de l' konscio, je certa evolugrado kunpremiĝos kaj sufokos unu la alian, kvazaŭ du grenĝermoj, kiuj falis en la saman sulkon. Du manoj, unu konstruas, la alia detruas, unu sin kroĉas por ne esti forportata de la uragano, la alia ŝiras la ŝnuron de l' ankro, unu kovras sian korpon por ne frostiĝi, la alia ĝin malkovras!«

Ĉe tiuj vortoj Midore metis antaŭ min strangan, ovalforman objekton, sub vitro ekbrilis verdviola lumo. Komence mi vidis tra la lumo nur ian nuban krepuskon, poste mi rimarkis vastan, profundan kampon en senfina malproksimo, sed klare kaj hele. Minutoj pasis, ĝis mi povis rekoni; ĝi estis la Balta Maro, de kie mi ekiris per hidroplano antaŭ unu jaro. Mi vidis anglajn kaj germanajn ŝipojn, estis batalo. El la alto mi povis vidi ĝis la fundo de la maro: ĵus subakviĝis unu el niaj grandaj ŝipoj, trafita de torpedo, ĝi malrapide malaperis sub la verda tapiŝo kaj balanciĝante sinkis silente , kvazaŭ peza veziko, poste ĝi eksidis sur la brila sablo.

*(Daŭrigota)* El la hungara: *L. Totsche.*

# Intelekteco kaj spiriteco

— **Miguel de Unamuno** —

*There are more things in heaven and earth, Horatio*
*Than are dreamt of in your philosophy.*

(Vortoj diritaj de la spirita Hamlet al la intelekta Horacio, en la akto I, sceno 5. de la *Hamlet* de Shakespeare.)

Li pasigis tagojn de spirita diseriĝo, de senfrukta rondiro de l' menso; nenio povis interesi lin; preninte libron, li ĝin malfermis, legis du aŭ tri el ĝiaj paĝoj kaj nepre ĝin fermis, ĉar el li la atento sin eltiris kaj disjetis; penante skribi, li disŝiris tiom da paperfolioj, kiom li skribis. Tamen neniam li ĝuis pli bonan sanon, neniam li sentis sin tiel plena de riĉa kaj fluanta sango, neniam ritmis pli bone liaj pulmoj kaj lia koro. Samtempe, interne de si, li perceptis konfuze ion fortan kaj maturan kio penis burĝoni; li kredis sin antaŭ akuŝo de pensoj plenplenaj de vivo kaj helo. Sed ia solena trankvilo, kontraŭ kiu li vane luktis, lin tegis kiel perla eksteraĵo. Sendube estus mallerte, ne esperi kvieta la gracon de la Spirito, sed intenci el Li ĝin eltiri perforte.

Fine, iun vesperon, kiam la fajreroj de la malleviĝanta suno lumigis la larĝan balkonon de lia ĉelo, li enfermiĝis kun siaj mutaj libroj, kun la familiaraj objektoj, sur kiuj ĉiutage moliĝis lia rigardo. Tio estis kvazaŭ enfermiĝi en si mem, eĉ pli bone, ĉar tiu kutima ĉirkaŭaĵo lin servis por komunikiĝi kun la mondo. Tiu kvadrata vitra inkujo, tiuj diskaj plumingoj, tiu paperujo, tiu fortika brakseĝo el ledo, kien li sidigis sian korpon, dum la menso ekgalopis; tiuj skatoloj, en kiuj li gardis siajn notojn, la sobraj seĝoj, la vicoj de libroj apogitaj kontraŭ la muroj blankaj pro nudeco: ĉio ĉi estis kvazaŭ plilongiĝo de lia spirito kaj, samtempe, brakoj al li sternitaj de la mondo por lin ĉirkaŭpremi. Ili apartenis al li kaj al la cetero: ili estis li mem kaj estis, samtempe, la alio. Ili ne trompos lin, ne; li jam tuŝis ilin mil-kaj unufoje, kaj al ĉiu tuŝo ĉeniĝis la antaŭaj tuŝoj, ĝis ili forĝis tiel animon el multaj rememoroj ĉirkaŭ tiuj humilaj kaj utilaj objektoj. Li havis librojn amantajn, dankemajn, memorhavajn, ĉar ĉiufoje kiam li hazarde ilin malfermis, ili malfermiĝis ĉe la samaj paĝoj, al li oferante ĉiam la saman paragrafon, la plej regalan, la plej intensan, la plej vivigantan, kiun ili havis. Kaj, dum la relegado, elfluis ree el la spaco de tiu ĉelo, el liaj internaĵoj, ĉiuj forflugantaj momentoj, en kiuj li ĝin legis, kaj lia animo vibris laŭlonge de la tempo, kun vibrado supreniranta al la estinto, ĝis perdiĝo tie, kie perdiĝas kun ĝi ankaŭ la konscio mem. Tra la ĉefa balkono oni vidis, post la ruĝaj tegmentoj, interspace verdantaj de likenoj, nur la okcidentajn nubojn, kiujn flamigis la malleviĝanta suno. Tie, pli proksime, ĉe la bordo de la najbara tegmento, en la defluilo burĝonis la humila »kata vito«, kies delikataj floretoj suĉis la necesajn sukojn el la tera surfundaĵo, kiun la pluvintaj akvoj skrapis el la trobakita argilo de la tegoloj. En la somero, la kolomboj de la najbara sonorilejo subiris ĝis la tegmento kaj kveris tie, kaj bekis ĉe ĝia bordo la fruktojn de la »kata vito«, dum la nigraj kornikoj traflugis la aeron. Alifoje estis la luliĝantaj katoj, kiuj fiere balanciĝante promenadis sur la tegmento. Kaj ankaŭ sur tiuj li ripozigis sian rigardon: ankaŭ la spontanea ĝardeneto de la defluilo kaj la kolomboj, la kornikoj kaj la katoj estis la liaj kaj samtempe apartenis al »la alio«; ankaŭ ili estis vizitataj de liaj pensoj, dum li ilin ekkaptis per sia vido.

Li enfermiĝis tie, en sia ĉelo, kvazaŭ ostro en sia konko; malstreĉis sian menson, kaj sen ĝin sproni aŭ bridi, lasis ĝin agi laŭ emo. Ĝi vagis tempospace, ekflorigante pasemajn ideojn baldaŭ velkantajn, dum ĝi flirtadis laŭ la librodorsoj, divenante glorajn nomojn kaj famegajn titolojn. Poste, iom post iom, ĝi kaŝiĝis, sin fermante en la korpon, kiun ĝi animis kaj kiu ĝin servis, kaj poste la brako de tiu korpo prenis paperon kaj liaj okuloj ĝin trakuris.

Tio estis la bruega manifesto, kiu tiom paroligis pri si; tio estis la famega skribaĵo, en kiu li, li mem, la sama kiu en tiu momento sidiĝis komforte sur sia bovofela brakseĝo, elverŝis sian spiriton. Li komencis ĝin legi, kaj, dum li daŭrigis ĝian legadon, stranga malkvieto lin kaptis pli kaj pli. Ne, tio ne estis lia, ne tion li volis skribi, tio ne estis, kion li pensis kaj kredis, kion li estis skribinta. Tamen dubo ne eblis; tio, kion nun li vidis tiel stranga, tio estis la sama, kion li skribis, eĉ tio estis la skribaĵo, kiu gajnigis al li pli grandan renomon. Denove li legis ĝin.

Ne, certe oni ne komunikas, kion oni deziras komuniki — li pensis — apenaŭ enkarniĝas la penso en vorto, kaj eliras, tiel tegita, en la mondon, ĝi jam estas de iu alia, aŭ, plibone, estas nenies, por esti ĉies. La karno, kiu vestas la lingvon, estas komuna kaj ekstera; ĝi kuntiras la penson, ĝin katenas kaj eĉ aliigas kaj ĝibigas. Ne, li ne volis skribi tion, neniam li estis pensanta tion.

Malofta kaj malkvietiga efekto lin igis legi al si mem, kvazaŭ al fremdulo, siajn skribaĵojn, kvazaŭ ili devenus de iu alia. Tiu ĉi duiĝo de sia persono memorigis al li alian scenon de pasema duiĝo de si mem, kiun li ne povis memori sen frostotremo. Tio okazis, kiam rigardante en spegulo sian propran rigardon, li atingis vidi sin kiel fremdulon; li observis sin kiel netuŝeblan fantomon, kaj tio tiagrade ekemociis lin, ke li mallaŭte vokis al si mem laŭ sia nomo. Kaj tiu voĉo, la propra, sonis al li kvazaŭ voĉo de alia, kvazaŭ voĉo kiu ŝprucis el la spaco, el nevidebla, el nepene-

---

## La tria Soneto

— **Shakespeare** —

*Prenu spegulon, diru al la vizaĝ' vidata,*
*ke venis jam la tempo: ĝin fari reprodukte,*
*ĉar se vi ne rekreos ĝin tiel freŝe glata,*
*vi l' mondon trompos: restos patrina sin' senfrukte.*
*La neplugitan korpon ja kiu virgulino*
*forfermus de l' kultivo de mastr' el tia speco?*
*kaj kiu viro stultus fariĝi tomba sino*
*de sia mem-adoro per murd de l' estonteco?*
*Jen, vi, spegul' de via patrin', reportas sorĉe*
*en vi l' aprilon ĉarman de ŝia viv-printempo,*
*same, tra la fenestroj de via aĝo, dolĉe*
*vin ravos, malgraŭ l' faltoj, ĉi ora via tempo.*
*Sed, se vi nure vivos: forges': jen via sorto,*
*vi mortos, vian bildon kunportos en la morto.*

El la angla: *L. Totsche.*

trebla misterego. Poste li gorĝgrakis, sin tuŝis, sentiĝis la batado de la koro, kiu rapidigis sian marŝon. Kaj neniam li forgesis tiun neforgeseblan scenon.

Nun ne estis same, eĉ ne tre simile, sed estis io, kio ĝin rememorigis. Ĉu li mem skribis tion? Ĉu li estis la sama, kiu ĝin skribis? Ĉu ne kaŝis sin en li pli ol unu homo? Ĉu li ne portis en si legion de animoj kuŝantaj unuj sub la aliaj? La animoj de ĉiuj siaj antaŭuloj, ĉu ili ne dormas inter la limoj de sia cerbujo? Ĉu la aliaj lin vidas kiel li vidiĝas al si mem, aŭ tre alie, kaj ĉu li estas farinta kaj dirinta ne tion, kion li kredis fari aŭ diri?

Tiu ĉi lasta ideo, ideo absurda kaj sensenca, daŭre lin obsedis delonge, kaj korpremis lin, ĉar li al si diris: Tio estas frenezo, nur frenezo.

Efektive, tro ofte okazis al li, dum li trankvile iris tra la stratoj, ke li pensis ĉi tion; ĉu ne estas eble, ke dum mi kredas iri trankvile kaj serioze, mi, reale, grimacas aŭ ridinte tordiĝas, aŭ plenumas hontajn agojn? Tiu malemo, kiun mi rimarkas kontraŭ mi senti de tiu aŭ tiu ĉi, ĉu ĝi ne estas kaŭzita de tio, ke mi diris al ili ion, kiun mi ne konscias esti dirinta, aŭ de tio, ke, kiam mi kredis iun manpremi, vere mi faris al li ian geston malĉastan aŭ malestiman?

Kiam mi imagas ion diri; ĉu la aliaj ne aŭdas ion alian, tre malsaman kaj eble malan? La obsedo pri tiu ĉi absurdo lin malkvietigis, lin malbonhumorigis, lin igis dubi pri la sano kaj firmeco de sia propra prudento, kaj lin devigis uzi sian tutan kapablon de memsugestio por ĝin forigi el si.

Per forta peno li forskuis el si la obstinan absurdon, sed li revenis al la fremdeco de sia propra skribaĵo.

Antaŭlonge li estis deterministo konvinkita, ne tolerante eĉ paroli pri libera volo; tiel neracia ŝajnis al li tiu supozo.

Sed poste, pli studinte la aferon, fendiĝis lia unupeca fido determinista; kaj nun, kiam mi trovas lin komforte sidanta en la brakseĝego de sia ĉelo, antaŭ sia manifesto, li jam ĵetis la demandon pri determinismo aŭ libera volo en la kelon de la metafiziko, kien malofte li subiras. Li jam ne kredas, ke la scienco atingis ĝis la klarigo de tiu ĉi problemo, sed, male, ke ĝi ĉiam envolviĝas en principa postulo. Tamen, kion li certe sentas, pli sentas ol pensas, tio estas ke oni estu kiel eble plej libera en si mem en la momento, kiam oni devas sin eksterigi, sin manifesti, paroli aŭ agi; por komunikiĝi kun la proksimuloj, oni apenaŭ devas uzi sian korpon aŭ aliajn korpojn, nepre oni iĝas ligita al iliaj rigidaj leĝoj, oni fariĝas sklavo. Miaj agoj, li pensas, neniam estas ekskluzive miaj; se mi parolas, nepre necesos ia aero, kiu ne estas la mia, por ke mia voĉo sonu; eĉ miaj voĉkordoj rigore ne estas la miaj, nek estas mia la lingvo, per kiu mi devas min helpi, se mi deziras esti komprenata, kaj same okazas, se mi skribas aŭ se mi batas, se mi kisas, se mi duelas. Kaj li aldonis: Ĉu mi mem estas la mia? Kaj zume revenas al li la turmentanta obsedo.

Ekzistas io, kion ni almetis al ni kaj faris tute la nia; ekzistas multo, kio estas tute fremda al ni; kaj, inter la du ekstremaj limoj ekzistas ĉio, kio parte estas la nia kaj parte ne. Nia vivo estas daŭra batalo inter nia spirito, kiu deziras mastri la mondon, ĝin igi la sia, igi si mem, kaj la mondo, kiu penas al si proprigi nian spiriton kaj, siavice, igi ĝin la sia. Mi — pensas nia homo — volas igi mia la mondon, ĝin igi mi, kaj la mondo intencas min estigi sia, min igi si; mi penas ĝin personigi kaj ĝi penas min malpersonigi. Kaj en tiu ĉi tragika lukto, ĉar tiu ĉi batalo estas vere tragedia, mi nepre bezonas mian malamikon por lin mastri, kaj mia malamiko bezonas min por min potenci. Per ĉio, kion mi diras, skribas aŭ faras, mi devas ĝin diri, skribi, aŭ fari, kaj, pro tio, li tuj ĝin malpersonigas kaj igas la sia, kaj mi ŝajnas alia, kiu ne estas mi.

Mizera neceso skribi. Kompatiga premo esti devigata paroli. Inter du, kiuj parolas, peras la lingvo, peras la mondo, peras tio, kio estas nek la unu, nek la alia el la du interparolantoj, kaj tiu ĉi uzurpulo ilin kovras kaj samtempe kunigas kaj disigas. Se estus eble krei la lingvon samgrade kiel oni eldiras la elpensaĵon!

Sendube la parolo estas pli perfekta ol la skribo, ĉar ĝi estas malpli materia, ĉar la aeraj vibroj disiĝas kaj perdiĝas, dum la inkaj strekoj restas; sendube la »flatus vocis« kiel ĉio, kio estas efemera, kunprenas pli riĉan akompanon, orkestraranĝon pli kompletan, kaj la skribo kiel ĉio, kio kristaliĝas, restas nuda. Sed tamen. Se oni povus transdoni la puran penson, sen vortoj pliaj ol tiuj malkonkretegaj kaj sendifinaj, sur kiuj ĝi sin apogas interne de la animo! La interkompreniĝado, per parolo aŭ per skribo, estas interkomunikiĝo akcidenta, sed ne substanca.

Rigardas nia homo al okcidento, kie la nuboj balaataj de la vento, nevidebla balaanto, similas aron da ŝaflaneroj, kaj li observas, kiamaniere ilin ekflamigas la subiranta suno. Tiu vidaĵo lin enpensigas pri la substanca komunio de ĉiuj spiritoj, pri la interkompreniĝo per nura spirita ĉeesto. Iufoje, kiam li aŭdis certan kanton popolan, ĝustatone kantatan de knabpaŝtisto, kies voĉo estis aŭdebla tra la foliaro de la brungrizaj kverkoj, li ektremis kaj sentis kvazaŭ li aŭdus voĉojn de alia mondo; ne de alia mondo kiu etendiĝas trans la nia, sed de tiu mondo, kiu tremadas interne de la nia; estis kvazaŭ tiuj voĉoj fluus el la internoj de ĉiu estaĵo kiel la kanto de la animoj de la kverkoj, de la nuboj, de la tero kaj de la ĉielo. Kie li tion jam estis aŭdinta? Kiu povas tion scii? Eble en iu nokto, dum lia dormo, la knabpaŝtisto sonigis apud li sian kanton, kaj la kanto trapasis la sonĝon de lia dormo penetrante ĝis liaj vivofontoj. Alifoje, dum vojaĝado, li troviĝis kun fremdulino, kiu ne konis lian

## *MINUTO DE FELIĈO*

— ERIC LINDORM —

Dediĉita de la tradukinto al Dorica Morariu.

*Ĉu vero — infanon mi premas al koro*
*min mem rekonas en ĝi,*
*karesas la suno, blubrilas mar-foro,*
*ĉielo serenas sen stri'.*

*Pri temp' mi ne scias... nun kiu do jaro?*
*Ĉu portas mi nomon, ho Di'?*
*Vi, rida vindaĵ', kun sunhela hararo,*
*ho kiel vi venis al mi?*

*Mi vivas! Mi vivas! Al terobalono*
*de kie min portis la vent'?*
*Mi eble atend's dum jarmiliono*
*nur sole por tiu moment'.*

El la sveda: *Magda Carlsson*

# Pri la vivo de Schubert

— Gladys P. Cosmetto —

Franz Schubert naskiĝis en Vieno, la 31-an de januaro, 1797. Lia patro estis malriĉa, tre laborema lernejestro; lia patrino estis kuiristino, Elizabeto Vitz; ŝi estis sep jarojn pli aĝa ol sia edzo. De tiaj humilaj gepatroj devenis geniulo; ili havis dek-kvar infanojn. Franz estis la dek-tria, malbonŝance, eble, por li, ĉar lia vivo estis plena de malfacilaĵoj kaj maljustaĵoj, sed bonŝance por la posteularo, ke tia belega muziko donaciĝis al la mondo.

Eble estos iom interese diri ion pri Vieno, kia ĝi estis dum la vivo de Schubert; ĝi estis urbo, kiu neniel admiris la arton, kaj ekzistis sole por si mem, por siaj plezuroj kaj pasioj.

La urbo estis tre malbone prizorgata, eĉ la malmultaj ĉefstratoj ĉiam estis malpuregaj, kaj la flankstratetoj tute ne havis trotuaron; la domposedantoj devis konstrui kvazaŭ ponteton el traboj antaŭ siaj pordoj, por ke oni ne tro trempiĝu en la koto. Eĉ antaŭ la Kärntnerthor, unu el la plej gravaj pordegoj de Vieno, estis grandega kotlago, kiu restis tie dum multaj jaroj, eĉ ĝis 1816.

La malriĉuloj loĝis en etaĝdomaĉaro, kies ĉefŝtuparo ĉiam estis kovrita per fruktŝeloj kaj malfreŝa rubaĵo, kiujn oni eljetis al la apudaj pordoj; neniu sin ĝenis per la formeto de tiuj aĵoj. Oni piedpremis la koton de la stratoj en la kovraĵon de la ŝtuparo. La malfrue hejmenirantaj ebriuloj falis en la ĉefenirejon kaj restis tie ĝis la mateno, kiam iu bonkorulo ilin trovis je tagiĝo kaj helpis ilin al ilia ĉambraro.

Brulegoj ofte okazis, kaj oni kutime alvokis la Imperiestron kaj liajn filojn, por ke ili, surĉevale, estru la laboron de savado. La ĉeesto de regnestro ĉe ĉiu brulego nepris laŭ malnova leĝo, kiu postulis, ke la Imperiestro gardu sian popolon persone. Fakte, ĝis Lia Moŝto alvenis, oni ne multe ĝenis sin pri la savlaboro, kaj ofte tuta konstruaĵo, aŭ tuta aro da konstruaĵoj detruiĝis, antaŭ ol la imperiestraj ordonoj estis sciigitaj al la atendanta savontaro.

Estis tuta subpremo de pensado kaj memopinio en Vieno je tiu tempo, kaj tio ĉi kaŭzis malrespekton inter la sociaj gradoj. La malriĉulo ĵetis insultojn trans la straton al la grafo, kaj la vendejaj virinoj disĵetis insultojn al ĉiuj kaj ĉiaj personoj, kiel grenventumaĵon de draŝilo; se iu kuraĝis marĉandi, okazis vera lavango da blasfemoj, homamaso kolektiĝis kaj alvenis la polico, sed ili nur flankenstaris kaj ridis. Estis nur unu ebla fino al la afero, forkuro! La vendejaj virinoj ĉiam venkis.

La bruego en la stratoj estis konfuza, oni certe bezonis Esperanton tie! Germanoj, Italoj kaj Kroatoj kriegis siajn varojn laŭ siaj diversaj lingvoj. Estis virinoj kiuj portis ovkorbojn kaj florojn, kroatoj kun vinberoj kaj fromaĝo; Italaj »salami«-vendistoj, bakistoj, tapiŝ-vendistoj, birdkaptistoj, kaj vendantoj de muskaptiloj, ĉiuj kriegante samtempe la bonan kvaliton de siaj varoj. Oni aŭdis ankaŭ la raŭkan, malgajan krion de la rubaĵisto »An Aschen! An Aschen!«, kaj la klakadon de la »malgranda poŝtisto«, la viro, kiu ĉirkaŭpromenis la stratojn por kolekti la leterojn en ligna skatolo, ĉar ne estis leterkestoj. La sufiĉe bonhavaj virinoj portis viremajn paltojn, kaj la viroj mufojn! Tia estis la renversiĝo de la modo, kaj tia la urbo, en kiu Schubert naskiĝis.

Lia patro tre deziris, ke ankaŭ Franz estu lerne-

---

idiomon, nek li konis la ŝian, nek unu el la du konis iun ajn homan lingvon, per kiu ili povis interkompreniĝi: ili sidis daŭre unu fronte al la alia, reciproke sin rigardante kaj foje ridetante. Certe tio estis muta konversacio. Kiam li pensis ion afablan kaj mildan pri sia kunulino, ŝi ridetis, kaj kiam malpura deziro trapasis lian bruston, ŝiaj brovoj sulkiĝis. Eble nekonscie aŭdigis unu al la alia la batadon de la koroj, kiuj moviĝis unusone je la momento, kiam ili rigardis al si en la okulojn, sendube la spiroj de iliaj animoj intermiksiĝis.

Spiras la animo? Kial ne pensi per metaforoj?

Nia viro komencis pensi pri la spirado: kiel la aero, enirinte en la pulmajn ĉeletojn, aerumas la sangon, tiun ĉi interna medion de nia korpo. Estas la materia substanco de la mondo, kiu cirkulas en nia interno — li pensis —; estas la mondo diluita kaj al ni propriĝita. Kaj elirinte de tie ĉi li imagis ian specon de spirita aerumado por nia menso, kaj por la mondo de koloroj, formoj, sonoj de ĉiuj impresoj, en ĝi diluitaj.

Sed tio ĉi estas metaforoj, nur metaforoj, — li al si diris, kaj tuj aldonis —: Metaforoj? kio ne estas metaforo? La scienco konstruiĝas per lingvo, kaj ĉiu lingvo estas esence metafora. Materio, forto, spirito, lumo, memoro... ĉio estas metaforo. Kiam tiuj, kiuj sin kredas pozitivistoj, penas forbalai el la scienco la metaforojn, ili balaas per metafora balailo, kaj ĝin replenigas per novaj metaforoj.

De ĉi tie lia menso pasis por flirti ĉirkaŭ temo, kiu estis al li speciale kara, nome, ĉirkaŭ la temo pri la supereco de tioo, kion ni nomas imago super ĉiu alia el la nomitaj »povoj de la spirito«, kaj pri la pli granda eminenteco de la poetoj kompare al la sciencistoj kaj la agvivemuloj.

Milfoje li bedaŭris la barbaran malkontentemon de la plimulto de l' spiritoj, kun kiuj li devis interkomuniki, kvankam ne substance sed nur akcidente, tiun ombran malkomprenemon al ĉiu opinio, kiu ne estis la ilia; tiun ridindan kredon pri la ekzisto de doktrinoj, kiuj, ĉar la plimulto ilin opinias absurdaj, povas esti defendataj nur de spiritoj konfuzitaj aŭ frenezaj. Tio ĉi — li kutimis al si diri — estas nur manko de imagpovo; la nekapableco prezenti al si la estaĵojn almenaŭ por momento same kiel la proksimulo ilin al si prezentas, estas nur sekeco de cerbo. Kiom malproksime ili estas de tiu ampleksega spirito de la granda Goethe, kiu sentis sin samtempe diisto, panteisto kaj ateisto kaj kies menso enhavis plej profundan komprenon de la paganismo kaj kune profundegan komprenon de la kristanismo. Sed Goethe estis poeto, la poeto, vera kaj radika poeto, kaj ne mizera cerbumanto, didaktika aŭ dogmista, ne el tiuj, kiuj kredas marŝi des pli certe, ju pli grandan balaston de formala logiko ili igas rajdi sur la inteligento kaj ju pli ili rampas sur la malalta tero de la penso, gluiĝintaj al la fundo de la tradicio aŭ de la sentoj.

Denove rigardis nia homo sian manifeston, kaj diris al si: Ke oni min nomis intelektisto! Min! Min, kiu malamegas kiel eble pleje la intelektismon. Ĉu mi intelektisto? Eble imagisto. Sed intelektisto? Kaj li rememoris Paŭlon de Tarso kaj liajn plenplenajn epistolojn. *(Daŭrigota.)*

El la hispana: *Domingo Díaz-Ambrona.*

jestro; laŭ li ĉiu Schubert devas instrui. »Sendube,« li opiniis, »tiu ĉi neordinara filo, kiu skribaĉas muzikerojn ĉiam kaj ĉie, post nelonge devos lerni la metion de la aliaj familianoj.«

Franz estis tro juna por povi diskuti kun sia patro la eblecon de vivrimedo per muziko. Eĉ se li estus tion farinta, sendube lia patro estus dirinta al li, ke la instruado donos al li vivrimedon, kaj la muziko »mortrimedon.«

Ĉi tiu familio kiu pasigis ordinaran, laŭregulan vivon, kiu nur ĝenis sin pri la akiro de la ĉiutaga pano, tute ne povis kompreni la alvenon de geniulo inter si. Generacioj de Schubertoj ĝis tiam ne produktis geniulojn, nur simplajn, laboremajn homojn.

Laŭ la lernejestro Schubert, muziko nur estis luksa amuzaĵo. Oni ne multe admiris la muzikarton en Vieno je tiu tempo, kaj certe ne klopodis havigi vivrimedon per ĝi. Nur malsaĝuloj fariĝis profesiuloj, kaj nur unu malsaĝulo el miloj akiris riĉecon!

Post multaj jaroj la lernejestro fieris pri sia filo, sed li neniam vere entuziasmiĝis pri la majstraĵoj de Franz, eble ĉar la kompatinda knabo ĉiam estis tiel malriĉa.

Tamen, malgraŭ ke li tiom deziris, ke lia filo ne fariĝu muzikisto, estis la patro mem, kiu instruis al Franz la notojn kaj elementojn de la muziko, kaj estis lia plej aĝa frato, Ignaz, kiu instruis al li la violonon, sed li tiom rapidege progresis je la instrumento, ke tre baldaŭ la instruito multe superis la instruinton, kaj Ignaz transdonis la edukadon de Franz al Michael Holzer, la loka ĥorestro; li estis la unua persono, kiu rekonis la veran genion de la knabo. La fortepianon, la orgenon, la violonon lernis la juna Schubert tiel facile kaj rapide, ke Holzer baldaŭ rekonis, ke li havas sub sia zorgo tre neordinaran lernanton. Li skribis pri li, »la tuta estaĵo de tiu ĉi strange malgracia, malalta junulo ŝajne estas trempata en muziko.«

Franz ja estis malgranda, dika vireto: li portis ŝtalajn okulvitrojn ĉar li estis tre miopa; liaj manoj estis dikaj kaj liaj fingroj tre mallongaj, li certe ne posedis la tradiciajn »longajn fingrojn« de la muzikisto.

Li posedis tiel belan voĉon, ke li fariĝis ĥoristo de la Imperia Kapelo sub la instruo de la kortega kapelestro, *Salieri,* kiu estis amiko de Beethoven. Li ne multe ĝenis sin pri la instruo de Schubert, ĉar li estis »nur malriĉa knabo«, tamen, Franz daŭre komponis sekrete, liaj komponaĵoj estis kaŝitaj kaj perditaj preskaŭ tuj, kiam li estis metinta ilin sur paperon. Tio okazis, kompreneble, dum liaj lernejaj tagoj, kiam li estis tre retiriĝema kaj ne multe deziris la kunecon de siaj kamaradoj ŝajne li estis tute feliĉa sola kun sia muziko.

Dufoje la patro de Franz elpelis lin de la hejmo, ĉar li pli atentis la muzikon ol la lernejan studadon; lia malriĉeco pligrandiĝis, lia entuziasmo por la muziko pligrandiĝis samtempe; je tiu tempo oni ne povus trovigi lian korpan mizeron. Li tute ne havis monon, la manĝoj ĉe la lernejo estis malbonaj kaj nesufiĉaj.

La financa stato de Vieno en 1811. estis terura, la Ŝtato estis bankrota kaj la floreno nur valoris kvinonon de sia kutima valuto. Schubert devis labori en malkomforta, malvarma ĉambro, li ĉiam estis malsata, sed li komponis kaj komponis kaj estis tre feliĉa. Se lia korpo suferis, lia menso rifuzis konscii tiun suferon; li vivis nur por sia muziko.

Anton Stadler, amiko lia, skribis: — »Estis interese rigardi lin, dum li komponis. Tre malofte li uzis la fortepianon; li diris, ke ĝi interrompas la fluon de la pensoj. Tre trankvile kaj ne ĝenate pro la babilado kaj bruemo de siaj kunuloj, li sidis ĉe sia tablo kaj sin klinis super la papero, de tempo al tempo mordante la plumon aŭ ludante per la fingroj sur la tablo, kvazaŭ li provus arion; li verkis facile kaj flue, kaj preskaŭ sen iaj postaj ŝanĝoj.«

Lia plej frua komponaĵo, kiun oni konservis, estas »Fantazio«, dueto fortepiana, kiun li verkis en la majo de 1810.

Unu el liaj unuaj kantoj estis »Erlkönig« (Elfreĝo); la poemo estas de Goethe, poeto kiun Schubert multe amis, sed kiu rifuzis aŭskulti, aŭ eĉ rigardi la muzikon, kiun Schubert komponis por liaj poemoj; ago, kiun li poste bedaŭris, ĉar okazis, ke du jarojn post la morto de Schubert, Goethe aŭdis faman kantiston kanti ĉi tiun kanton, Elfreĝo, kaj oni diras, ke la emocio tute superregis lin, la mirinda beleco de la melodio plenigis liajn okulojn per larmoj kaj lian koron per konsciencriproĉo, ke li ne pli frue rekonis, aŭ eĉ provis rekoni, la veran genion de Schubert.

Tiu ĉi kanto estis unue kantata puklike en 1821 de Vogl, tre fama kantisto kaj fidela amiko de Schubert; oni akceptis ĝin kun tre granda ovacio. Vogl tre deziris, ke Schubert mem ludu la fortepianan akompanaĵon, kiu estas mirinde bela, sed li estis tro modesta montri sin sur la estrado. Ĝi estis lia unua verko kiu eldoniĝis, kaj oni sukcesis tion fari nur per la kotizoj de diversaj amikoj. En tiu tempo neniu eldonisto estus konsentinta eldoni la verkon de Schubert, ĉar li estis tiel malriĉa kaj, krom inter siaj propraj amikoj, ne bone konata. Kiam, post multaj jaroj, eldonistoj akceptis kelkajn el liaj komponaĵoj, ili utiligis al si la malriĉecon de Schubert kaj plenigis siajn monujojn je la kosto de lia genieco.

Ili bone sciis, ke li preskaŭ ĉiam estas senmona kaj tiom superŝutita de ŝuldoj ke li dankeme akceptos la plej absurdajn prezojn por siaj manuskriptoj, nur por havigi iomete de mono en la poŝo.

Kiam oni unue prezentis la unuan operon de Schubert, »Die Zwillingsbruder« (La Gemeloj), estis laŭtaj alvokoj por la verkinto, sed li ne povis sin montri por akcepti la bone merititan aplaŭdon, ĉar li ne posedis frakon! Fakte, en tiu momento li sidis en la galerio de la teatro, vestita per sia kutima malnova, eluzita jako kaj pantalono. Amiko, kun kiu li sidis, proponis al li sian nigran jakon, sed Schubert rifuzis sin montri, kaj fine oni devis anonci, ke la verkinto jam iris hejmen, sed li sidis tie en la galerio, nerekonita, kaj ankoraŭ aŭskultis kun granda ĝojo la aplaŭdon, kiun lia muziko akiris.

Dum la printempo de 1818. Schubert konatiĝis kun iu Grafo Esterhazi, kiu posedis tre luksan domon en Vieno kaj belan kastelon en Hungarujo; tre baldaŭ li konsciiĝis pri la genio de Schubert, sed ruze konservis tiun scion al si mem. Li proponis al Franz, ke li loĝigos kaj manĝigos lin ĉe sia domo en Vieno dum la vintro kaj en la kastelo dum la somero, kondiĉe ke li instruos muzikon al liaj infanoj.

Schubert ŝuldis tiom da mono, ke li konsentis, sed li ne estis feliĉa en la kastelo kaj multe suferis pro nostalgio; la tutan tempon li sopiris Vienon kaj siajn amikojn, malgraŭ la malsato kaj malriĉeco kiu, li bone sciis, atendos lin tie.

La grafan kastelon li priskribis jene: — »Nia kastelo ne estas impona, sed ĝi estas bone konstruita kaj ĉirkaŭata de tre belega ĝardeno. Mi loĝas en la



# OBSERVO

RIMARKOJ PRI LA LITERATURO DE JAVO. Kiuj sin unue okupis pri la literaturo de la insulo Javo (Nederlanda Hindujo tiuj direktis sian atenton preskaŭ ekskluzive al tio, kio konatiĝis pere de la sanskrita literaturo. Poste tamen, oni devis revizii la supozon, ke la java literaturo estiĝis grandparte per transprenado de la literaturaj posedaĵoj de Hisdustano. Evidentiĝis ja, ke ekzistas grava, pure java literaturo, e. ke ĉi tiu verŝajne difinis la formon, sub kiu la materialo de la sanskrita literaturo estis transprenata.

La demando pri la reciprokaj proporcioj inter la importita kaj la pure originala partoj de la java literaturo estas do grava, kaj esplorante al literaturon de Javo — bedaŭrinde ankoraŭ tro malmulte konigitan en Esperantujo — oni trovas, ke ĝi estas riĉa je vastaj kronikoj en versa kaj proza formoj el propraj fontoj. Kvankam la pli literaturaj verkoj grandparte estiĝis, kiel supre dirite, sub hinda kaj araba influoj, tamen oni povas trovi en ĝi bazojn de malnovaj javaj mitoj. Precipe la hindoj ludis gravan rolon. Supozeble la hindaj kavaliroj, akirinte la potencon sur Javo, parencigis al si per edzinigo la tieajn dinastiojn (kratonojn), en kies medio la literaturo floris kaj kreskis. Per tiuj geedziĝoj estiĝis gento hindojava, kiu sin tenis apartigita de la cetera popolo per la hindustana kasta sistemo.

Propre ni do ne povas paroli pri la literaturo de la java *popolo*. Ĉi tion montras ankaŭ la karaktero de la literaturaj produktaĵoj kaj la irado de la java literaturhistorio. Ĉi lasta estas dividebla laŭ 3 ĉefperiodoj.

1. La periodo de la *malnovjava literaturo,* kiu floris proksimume de 1000 ĝis 1400. Ĉi tiu periodo finiĝis kun la pereo de la dinastio de Madjapahit.

2. La periodo de la *mezjava literaturo.* Ĉi tiu estiĝis el la literatura posedo de la Madjapahit-aj javanoj, kiuj sin establis kiel regantoj sur la insuleto Bali (tuj apud Javo), ĉirkaŭ la jaro 1350. Oni do komprenas, ke la literaturo el la 1-a kaj 2-a periodoj estas tre forte ligitaj inter si. Iom el la 1-a periodo konserviĝis al ni sur Bali, ĉar sur Javo mem ĝi tute pereis. Kiam la anglo Raffles alvenis sur Javon (ĉ. 1800) li trovis nenian postesignon.

3. La periodo de la *novjava literaturo* estas tiu de la Regno de Mataram (1601—1755). Tiu ĉi periodo estis la flortempo de la java literaturo. La novjava literaturo ne estas daŭrigo de la malnovjava, sed verŝajne ĝi fontas el la tre malnova dinastio de Kajlendra (750—900) sur Meza Javo. Ĉi tiu malnova literaturo tamen absolute perdiĝis pro la dekadenco de la Kajlendra-a dinastio. Tiu dekadenco ne nur kaŭzis la perdiĝon de la malnova literaturo sur Meza Javo, sed ĝi grave influis ankaŭ la hindojavanojn de tiu regiono, tiel ke la posta literaturo de Meza Javo, t. e. la novjava literaturo, montras multe pli fortan javan karakteron ol la malnovjava de Orienta Javo.

El tiu ĉi lasta periodo restis al ni flanke de kelkaj poemoj (inter ili kelkaj didaktikaj; lirikon ne konas la java literaturo) kaj romanoj, kelkaj cikloj. Ĉi tiuj ĉiam estis en kontakto kun la »vajang«-ludo (t. e. ombro-ludo). La unuan ciklon formas la mitologiaj kaj kosmogoniaj poemoj (Bharata-Judha-ciklo), dua priskribas la amajn aventurojn de princo Pandji (Pandji-ciklo) kaj tria havas persan bazon (Menak-ciklo). *Joh. Hartog.*

(X.) LA ESTONTO KAJ LA PASINTO. Du monumentajn romanojn etendas al ni la du eble plej eminentaj verkistoj-individuoj de tiu ĉi epoko. Kion ili havas por diri dum la tempo de la pereo de mondoj kaj malfermiĝo de novaj horizontoj? Kion sciigas al la legantoamikoj, disĵetitaj en la tuta mondo, *H. G. Wells* kaj *Thomas Mann?*

*Kio okazos morgaŭ?* — faras Wells la demandon en la titolo de sia nova libro. La »romano de l' estonto« estas grandioza eposo de la nuno, de la proksima kaj fora estonto. Tiu ĉi »libro de modernaj Sibiloj« estas la plej stranga kaj samtempe la plej frapanta verko de la lastaj jaroj. Ĝi entenas nekompareble spritan kaj sur-

---

domo de la pedelo. Ĝi estas sufiĉe trankvila, escepte pro la anseroj kiuj kune klakadas tiel bruaĉe, ke vi ne povas aŭdi vian propran voĉon. La kuiristino estas iom frivola, la ĉambristino havas ĉirkaŭ tridek jarojn; la kuireja servistino estas tre beleta kaj amikiĝis kun mi; la vartistino estas bonkorulino, kaj la ĉefservisto estas mia rivalo.«

Grafo Esterhazi havis kuzon, grafon Stefano, kiu opiniis ke li povas komponi; li vizitis Schubert, dum li estis en la kastelo kaj petis, ke li ludu novan fantazion, kiun li ĵus verkis; Schubert sidiĝis apud la fortepiano kaj malfermis la manuskripton, kaj li al si diris: — »Kion mi vidas antaŭ mi? Kvazaŭ arbaron de strangaj ciferoj, kiuj sin tordas ĉirkaŭ la liniaro kiel serpentetoj! Kaj mi devas ludi ĉi tiun nelegeblan manuskripton!«

Kompreneble, kiam li komencis ludi, li elektis arion el sia cerbo kaj tuj improvizis; la amikoj de la grafo, kiuj ĉeestis, diris, ke veraj perloj melodiaj de plej granda beleco eksonis de la klavoj sub la magiaj fingroj de la juna majstro, kaj iom post iom naskiĝis bela Romanco, intermiksita kun epizodoj kaj pliriĉigita per mirindaj modulacioj, sed la tuto estis laŭ la formo de la Fantazio, por ke la grafo ne suspektu komence, ke Franz improvizas.

Sed iom post iom la ludanto tiom perdis sin en la ekstazo de sia inspiro, ke li tute forgesis, kial li ludas, la ĉeeston de la grafo kaj de liaj amikoj, eĉ la muzikon antaŭ si, kaj li tute forgesis turni la paĝojn, kiel li ĝis tiam faris por daŭrigi la iluzion. Unue la grafo estis kolera, kiam li konsciis la trompon, sed li tiel ĝuis la belecon de la muziko, muziko, kian, en sia koro li bone sciis, li neniam povus verki, ke, kiam je la fino de la ludado Schubert humile petis lian pardonon, li tutkore lin pardonis, kaj la du viroj poste fariĝis bonaj amikoj.

Oni diras, ke ĉiu, kiu vizitis Schubert en lia loĝejo, ĉiam surpriziĝis pri la tuta manko de ĉiu komforto. La granda ĉambro, en kiu li laboris, pli similis la laborejon de metiisto ol la studejon de komponisto. Estis tie fortepiano kovrita de malorda amaso de muzikaĵoj; diversaj kordinstrumentoj, muziksubteniloj, diversaj tabloj kaj seĝoj, ĉio en la plej terura malordo.

Moritz Schwind, unu el liaj amikoj, rakontas historieton, ke iun matenon li vizitis la komponiston kaj trovis lin ankoraŭ en la lito. Vidante sian amikon, Franz tuj eksaltis el la lito, kaj komencis rapide serĉi en tirkesto, elĵetante ŝtrumpetojn unu post la alian sur la plankon.

»Kion vi serĉas, Franz?«, diris Moritz.

»Sentruajn ŝtrumpetojn,« respondis Schubert, »ŝajne oni ne trikas tiajn nuntempe.«

Schubert ĉiam estis tro malriĉa por povi edziĝi; estis diversaj amaferoj en lia vivo, sed lia sola vere sincera amo estis por knabino, kun kiu li konatiĝis, kiam ili ambaŭ estis tre junaj; ŝia nomo estis Teresa Grob, ŝi tute ne estis belulino, fakte, ŝi havis tre grandan kaj malbelan buŝon, kiu certe estis grava malhelpo al ŝi, ĉar ŝi posedis tre belan altsopranan voĉon.

Franz estis tro sindetena por esti lerta amanto, li povis elverŝi sian tutan animon nur per sia muziko; tamen, Teresa ŝajne lin bone komprenis, kaj sendube

prize kuraĝan kritikon pri la nuna politika, socia kaj ekonomia sistemoj; konscience procizan analizon kaj pragmatikan klarigon de la multaj diversaj difektoj de l' nuno; la senindulgan sekcon de la mondmilito kaj la postaj packontraktoj; kaj fine la desegnon kun aŭdaca fantazio de la venontaj okdek jaroj de Eŭropo, eĉ de la tuta mondo. *Hodiaŭ kaj morgaŭ ni vivas la epokon de l' malsukceso;* — jen la unua tezo de Wells kaj ĝin sekvas en sennombraj vicoj la kaŭzoj, kiuj plektis la aferojn kun senindulga certeco al la stato, ke oni jam povas paroli nur pri malsukcesaj projektoj, malsukcesaj celfiksoj kaj malsukcesaj esperoj. Iom da tempo kvazaŭ ŝajnas imagebla ia reboniĝo. Sed venas la 1933-a jaro — Wells rakontas la aferojn rerigardante el la 2100-a jaro — kaj tiu ĉi jaro tute haltigas kaj paralizas ĉiun simptomon de l' evoluo...

Ĉi tiu paraliziĝo havas multajn radikojn. Unu el ili estas, ke *en la venkitaj landoj la energiaj junuloj ne ricevis okazon por tio, ke ili povu partopreni en la rekonstruo de sia skuiĝinta mondo: ĉi tio estis rezervita por la venkintoj.* La alia kaŭzo estas plene politika kaj en ĝia ekspliko Wells profetis kun grandioza antaŭsento ĉion, kio de tiam vere estis okazinta en Germanujo; ĉiu inteligenta ŝtatoviro estas devinta ĉefe pensi pri la problemo, kio povos okazi. kio okazos en Germanujo? Sed oni tra Eŭropo ne havis tempon por sin okupi pri tio. Sekve la gvidantoj de Eŭropo sin mem kulpigu pro ĉio, kio okazis kaj kio ankoraŭ okazos... Sed — kompreneble — Wells ne neas siajn principojn, ĝis nun anoncitajn, kaj kun kvazaŭ fantoma precizeco li profetas la germanan spiritan emigradon, sed en la esploro de l' objektiva vero lin ne povas malhelpi iaspeca persona antipatio...

*Post hezita eksperimentado daŭranta dum kelkaj jaroj, per la ekuzo de ia stulta sensignifa preteksto denove eksplodas la milito:* jen la alia profetaĵo de H. G. Wells. Kaj tiu ĉi »lasta milita ciklono« trabalaas la homaron inter 1940. kaj 1950. Kaj ĝi finiĝas sen ia ajn regula packontrakto. Sed pro inertiĝo. Pro la naŭziĝo de l' amasoj. Kaj pro tio, ĉar lerta politikisto proponas: ni ne parolu pri la paco, ĉar ni ja ne scias interkonsenti. Prefere ni »provizore« haltigu la pluajn manovrojn. El la provizora haltigo fariĝos definitiva paco, sed samtempe komenciĝas la milit-atako de l' baciloj: la lokon de la gasmilito okupas la makula febro kaj ĝi baldaŭ duonigas la homaron. Amasiĝas la sociaj difektoj, refalas la vivnivelo, kiam subite radike ŝanĝiĝas ĉio kaj komencas leviĝi la vojo ĝis tiam krute falinta suben. Naskiĝas la »Moderna Ŝtato« kaj ĉi tie oni tuj trovas certan medikamenton por ĉiu neglektita malsano. (Kvazaŭ iom nebule sonus en tiuj ĉi ĉapitroj la eksplikoj de Wells. Kaj kvazaŭ hejtus pli da konvinkiĝo tiujn paĝojn, kiuj desegnas la krutan falegon.)

Fine tamen ekradias la suno, la homo fariĝas pli saĝa kaj atingas pli altan aĝon: jene finiĝas tiu ĉi stranga verko, kiu estas — laŭ Wells — »se ne la libro de l' revoj kaj ne la historio de l' Sibiloj — do la teorio de l' mondrevolucio.« Pri tiu ĉi libro oni multe diskutos.

Thomas Mann velas sur multe pli kvietaj akvoj en sia nova romano, kiu — kiel unua volumo de pretiĝanta trilogio — *rakontas la historion de la biblia Jakobo.* Tiun ĉi iom misteran figuron de la Malnova Testamento kaj la groteskan historion, riĉan de piaj okazaĵoj, de lia vivo prezentas al ni la aŭtoro, kiu dume abunde trovas okazon por revivigi la pli malpli misteran mondon de l' oriento antaŭ la moderna leganto. Thomas Mann estas multe pli granda artisto de la skribita vorto, por ke — el literatura vidpunkto — li ne sciu plene realigi tion, kion li fiksas cele por si. Sian malfacilan kaj — ni rekonu — sendankan temon do ankaŭ nun li solvas kun plena perfekteco. En tiu ĉi parto do estus ĉio en ordo, sed krome por la sukceso estas necesa ankaŭ la plena kompreno de l' leganto kaj lia senkondiĉa solviĝo en la rakonto de l' verkisto. Ĉu okazos ĉi tio ĉe la historio de Jakobo: ĉi tiun demandon, laŭ nia sento, ne estas facile respondi. Precipe tial, ĉar nuntempe — mi scias: ĉi tio ne estas estetika argumento, tamen estas ne malpli vera — malmultaj homoj kapablas tute forŝiriĝi de la nuno kaj profundiĝi en aero estanta for de ni, ne travideble malproksime en tempo, spaco kaj mondrigardo. Kvankam sen tiu ĉi profundiĝo la tuta romano ŝvebas en senaera spaco.

---

li estus ĝoje edziĝinta kun ŝi se li ne estus tiel malriĉa; ŝi vere amis Franz, sed ŝiaj gepatroj devigis ŝin edziniĝi kun bakisto kun kiu, kvankam li estis tre inda viro, Teresa ne povis esti vere feliĉa, ĉar ankaŭ ŝi posedis animon de muzikisto.

En 1823, resaniĝante de severa malsano, Schubert verkis tre belan kanton »Du bist die Ruh« (Vi estas la paco) kaj oni diras, ke liaj pensoj estis pri Teresa dum li ĝin komponis, ĉar li ĉiam konstatis, ke ŝi havas trankviligan influon al li kaj alportas pacon al lia animo.

Kvankam Beethoven kaj Schubert loĝis nur unu mejlon unu de alia kaj kelkafoje vizitis la samajn gastejojn, ili ne interkonatiĝis, ĝis la vivo de Beethoven alproksimiĝis al sia fino; pro sia surdeco Beethoven pasigis siajn lastajn jarojn tre izole, krome, liaj amikoj troviĝis en pli alta tavolo de l' socio ol tiu konata de Schubert, kiu vere adoris la maljunan majstron, sed nur de respektinda distanco.

Oni diras, ke antaŭ la morto de Beethoven, iu portis al li kelkajn el la kantoj de Schubert, inter ili »Die Junge Nonne«, unu el la plej belaj kantoj verkitaj de Franz. Beethoven zorge tralegis la manuskripton, li jam ne plu povis aŭdi noton de muziko, kaj li diris: — »Vere, en ĉi tiu Schubert vivas la dia fajro de genio! Kial oni ne konigis lin al mi antaŭe? Permesu, ke mi tuj vidu ĉi tiun junulon.«

Hüttenbrunner, amiko de Schubert kondukis lin al la majstro, kaj dum ili staris sur la sojlo de la ĉambro, Beethoven diris: Mi petas ke Franz Schubert envenu unue, kaj kiam ili alproksimiĝis kaj genuis ĉe lia lito, li diris: — »Vi, mia kara Hüttenbrunner, posedas mian koron sed Schubert posedas mian animon!«

Schubert estis unu el la 38 torĉportantoj, kiuj akompanis Beethoven al lia lasta ripozejo.

Revenante hejmen post la funebro, Schubert kaj kelkaj amikoj liaj eniris gastejon por trinki vinon. Schubert levis la glason kaj tostis: — »Al li, kiun ni jus ripozigis en eterna paco, kaj al tiu, kiu kuŝos apud li!«

Senscie li tostis je si mem, ĉar la sekvantan jaron, en 1828, li mortis pro tifo, en la frua aĝo de 31 jaroj. Liaj lastaj horoj pasis en deliro, kaj li imagis, ke oni provas lin enterigi viva kaj lia konstanta petego al sia frato, en kies domo li mortis, estis, ke ne estas Beethoven, kiu kuŝas sur la lito, sed Franz, kaj oni devas ne forporti lin.

Kiel dum vivo, tiel en morto, li forlasis la mondon baraktante kontraŭ malbona sorto kaj malfacilaj cirkonstancoj; li kuŝis pompe kun laŭra krono sur la frunto, vestita per la robo de ermito. Grandega homamaso trapasis lian mortĉambron por lastfoje vidi la viron, kiu tiom donis al la mondo, kaj tiom malmulte ricevis.

Kiom li ja donis, oni ne vere komprenis ĝis post multaj jaroj, ĉar, plejparte, liaj samtempuloj diris, ke la muziko de Schubert estas tiel tro malfacila, ke neniam oni povas ĝin ludi! Eble en tiu tempo tio estis vera, ĉar Vieno estis plena de amatoraj muzikistoj, kiuj tro fanfaronis pri siaj propraj vanaj provoj pri komponarto, por povi kompreni la veran valoron de la majstraĵoj de Schubert.

Kun tiuj ĉi malfacilaĵoj kompreneble indas lukti. Sed tio, kiom el la legantoj entreprenos tiun ĉi lukton kaj el ili kiom sin en returnos ĉe la triono de l' vojo: estas tute necerta. Kvankam — vane — fine tamen la sorto de ĉiu libro, ĉiu skribaĵo dependas de la sukceso, aŭ elmenaŭ de la estigita eĥo.

LA LASTA ROMANO DE JOHN GALSWORTHY

»Trans la riveron«, la lasta romano de John Galsworthy, similas al la aliaj romanoj verkitaj de li en la lastaj jaroj de lia vivo. Ĝia seriozeco, ĝia sobra humuro, ĝia okupiĝo pri la reguloj de la societo stampas ĝin tipa Galsworthy-a verko, kiel faras ankaŭ ĝiaj priskriboj de la anglaj juĝejoj, kaj la sendifina odoro de la angla tero. Ne mankas ankaŭ la Galsworthy-a elokvento kaj la Galsworthy-a ironio.

Temas pri Sir Gerald Corven, la iom kanajla kolonia administranto kaj lia edzino Clare, kiu, ne povinte plu toleri lin, revenas al sia konvencia familio. Sur la ŝipo pasie enamiĝas al ŝi junulo, kiun ŝi ja amas, sed ne tro forte. La edzo ŝin sekvas kaj vane penas devigi ŝin reveni kun li. Kvankam senkulpa, ŝi estas maldiskreta, kaj tio ebligas al Sir Gerald komencigi proceson pri eksedziĝo.

Kaj jen estiĝas la problemo. Se ŝi permesas al li eksedziĝi ŝin, ŝi estos libera; se ŝi se ne permesas, ŝi, kvankam juna kaj arda, restos kvazaŭ vidvino, ĉar la ideo de kunvivo kun li estas netolerebla. Ŝia familio, bone sciante, ke ŝi ne povas reveni al la edzo, tamen energie batalas por defendi ŝin kontraŭ la akuzo, kaj post pripenso, Clare partiiĝas kun siaj parencoj.

La leganton iom mistifikas la ne laŭkaraktera sinteno de la heroino kaj li estas tute perpleksita kiam ŝi revenas al la edzo. Eĉ la tuta arto de la verkisto, arto neniam pli perfekta ol en ĉi tiu libro, ne kontentigas la leganton pri la situacio. Tamen despli granda estas la triumfo de Galsworthy kiu, per kristala prozo kaj majstra rivelo de la karakteroj kaj scenoj, sorĉtenas la interesiĝon ĝis la lasta vorto. *(G. Badash)*

(X.) OTTO ZAREK: FOIRO DE DEZIROJ. Kurioza romano, jen konsterna, jen koleriga, jen ekstreme kompatiga per siaj strangaj figuroj, inter kiuj oni vane serĉas eĉ unu homon »normalan«. Nuraj trohejtitaj animoj, diseriĝantaj cerboj, nuraj erarantoj de interna ĥaoso, suferantoj, kiuj kun mira envio rigardas la »normalulojn« konsiderante ilin kiel »napoleonidojn de l' ĉiutago«, ĉar ili »konstruas sian vivon per matematika cerbo, levas ĝustatempe digojn antaŭ la abismaj ondoj; duonkonscie, kiel la sovaĝhomoj, rekonas la danĝerojn de l' naturo, sin sekurigas kontraŭ lavangoj kaj oscedaj fendegoj kaj atingas malrapide, gaje la celon.« Tiel komplikita ili vidas la naturan sintenon al la vivo, je kiu ili ne estas kapablaj, ĉar interne ili troviĝas ekster la socio, faras por si novajn leĝojn, sed ne havas fortojn eĉ por tio, ke ili obeu siajn leĝojn proprajn. Kun mazoĥista pasio ili vagas sur la landstrato de l' malbeno, diskarnas aliajn kaj si mem. Ĉiuj estas junuloj, plejparte universitataj studentoj, ĉirkaŭ kiuj grupiĝas kelkaj same junaj rusaj aristokratoj-elmigrintoj kaj kelkaj figuroj de la grandurba submondo. La ĉefa scenejo estas la studentloĝejo nomata »ĉelo«, kie okazas frenezaj orgioj. En ĉi tiu aparta mondo estras Lilian van Embden, filino de milionulo-bankiuro: ŝi estas »la videbla manifestiĝo, elformita, trapensita prezentiĝo de ĉi tiu nova vivtavolo« kiu infektas per la ĝermoj de pereo ĉiujn, kiuj venas en ŝian sorĉosferon. Ĉirkaŭ la malfeliĉa nimfomania estaĵo baraktas Stefan Gadmer, la puranima profesorkandidato; Erwin Bergmann, la nervmalsana kuracisto, kiu estas patologie altirata al tiu ĉi virino; Sasa Urzow kaj la aliaj elmigrintoj, brulantaj de malsana pasio; Vera, la demono de l' strato kaj Pieter, la sentema maristo. Ili ĉiuj estas sklavoj de siaj sensoj kaj rande de abismo dancas sian mortodancon. Otto Zarek, la Kleist-premiita verkisto, skizas ĉi tiujn kuriozajn figurojn kun granda arta preteco. Se ni ne trovas en unu aŭ alia figuro senrompan unuecon, tio ne estas peko de l' aŭtoro, ĉar ĝuste tiu ĉi multtavoleco, ĉi tiuj karakterŝanĝoj, ĉi tiuj konstantaj rompoj karakterizas ĉi tiujn homojn, kiuj ŝajne travivas jam surtere la suferojn de l' infero. Sed je la fino de l' romano, la aŭtoro faras certagradan mildiĝon: li montras ke ĉi tiu turmentiĝado estis nur purgatorio. Kaj ĉiu rolulo atingas solvon — laŭ sia maniero.

(X.) PITIGRILLI: KOKAINO. Tito Arnaudi estas junulo plena de kelka ĉarlataneco, kiun trafis la iom dubvalora feliĉo, ke lin, pro lia lerta ruzaĵo, oni dungas al granda pariza jurnalo. Dum sia raportista laboro li konatiĝas kun ĉiuj specoj de la kokainkavernoj: ekde la plej vulgaraj kaj plej fiaj truoj ĝis la luksaj kaj pompaj kokainvesperoj de la plutokratio, kie oni pormetas en artismaj kristaloj la blankan venenon ŝutitan en delikatajn koktajlojn, dum dancistinoj kaj kaŝitaj muzikistoj amuzas la societon langvoriĝintan en kokain-ebrio. Ankaŭ Tito iĝas sklavo de l' veneno, sed samtempe lin superregas ankaŭ alia pasio: la amo. Lia venenita sango ardas por du virinoj samtempe: por riĉega armenino kaj por eta itala dancistino. La armenino amas sole lin, pro li ŝi eksigas ĉiujn siajn antaŭajn amantojn, kiuj ja ne estis malmultaj. Male, la dancistino praktikas samtempajn amojn kun tuta armeo da viroj, ŝi vivas sian vivon en efektiva amfuriozo kaj akceptas Titon ĉiam nur — inter la vizitoj de du aliaj viroj. La juna homo indignegas pro la hontiga rolo kaj faras ĉion por ke Magdalena estu sole la lia. Kiam senkonscienca kuracisto ekstermis el la virino la sekreciajn glandojn kaj la operacio rezultigas subitan maljuniĝon, korpan kaj aman kadukiĝon, Tito estas feliĉa, ĉar li opinias, ke de nun la maljuniĝintan kaj senbeliĝintan virinon ĉiuj forlasos kaj ŝi apartenos sole al li. Sed li ne povas ĝisatendi tiun momenton, ĉar la virino, sovaĝiĝinta de la paniko pro l' ampordofermiĝo, per sia freneza vivmaniero puŝas en krimon kaj poste pelas al sinmortigo la malfeliĉan viron, kiu estas propre la viktimo de l' kokaino, ĉar la blanka veneno lin senigis de lia energio, juĝkapablo, morala forto. Kun sinmortiga tendenco li eltrinkas fiolon da tifbaciloj, malsaniĝas, sed la kuracistoj faras misdiagnozon, kaj li mortas pro pulm-inflamo — akirita dum la kuracado. La sprita mokado, morda sarkasmo de la kuracisto Pitigrilli faras vere interesa la ekscitan romanon.

(X.) ROMANO DE ANDRÉ GIDE SUR SCENEJO. La pariza Studio des Champes Elysées antaŭ nelonge devis ĉesi, ĉar en la eleganta kvartalo ne havis publikon la vere altnivelaj kaj literaturaj prezentadoj. La teatron nun luis literatura societo kaj ĝin ree malfermis sub la nomo: *Teatro de l' arto kaj laboro*. La nova teatro debutis per naŭakta komedio, farita el romano de Gide. La titolo estas: *La keloj de l' Vatikano*, ĝin adaptis Yvonne Lartigaud. Ŝi scenigis tiun roman-fragmenton, en kiu temas pri la kurioza trompo de ĉarlatana bando. Ĉirkaŭ 1892 ĉi tiuj trompistoj kredigis al bigotaj katolikoj, ke la framasonoj enfermis la papon en la keloj de l' Vatikano kaj sur la trono de Sankta Petro sidas pseŭdopapo. Per ĉi tiu trompo ili akiras ne malgravan monsumon. La ĉefroluloj estas: pseŭdopastro, estro de l' bando, kaj grafino, al kiu la pseŭdopastro enamiĝas. La prezentado havis sukceson.

(X.) NOVA GERMANA LITERATURA REVUO EN AMSTERDAM. La moderna literaturo naskiĝis en revuoj — la tuja eblo de apero (kaj la tuja sekvo de kritiko) havis decidan efikon por tio, ke la 19-a jarcento tiel subite ekflorigis — inter aliaj — ankaŭ la literaturon. La nova franca literaturo elluktis por si la lokon nun havatan per la konkuro de literaturaj revuoj; poeziaj skoloj kreiĝis ĉirkaŭ revuetoj aperantaj en kelkcent ekzempleroj. La »Mercure de France« kaj la »Nouvelle Revue Française« ekiris kiel modestaj revuetoj, kaj kiu kontestus ja, ke hodiaŭ jam ili ambaŭ signas po unu epoko, kaj ne nur en la franca literaturo, sed en la kulturo de l' tuta mondo.

En Germanio la literaturaj revuoj neniam havis tian kulton, kiel en la landoj latinaj. La germana publiko estas sufiĉe pacienca por atendi ĝis ĝiaj verkistoj donas antaŭ ĝin siajn produktojn en korpulentaj volumoj. Ankaŭ la Tria Imperio ne devis multe peni kaj zorgi pri la tasko:

reguli la revuojn kaj plenigi ilin per nova enhavo. La germana publiko atendis ĉiam la pretajn kreajojn, tiajn ĝi atendas verŝajne ankaŭ de nun.

Tiom pli surprize estas, ke jen aperis nova germana literatura revuo. Ĝia nenidira titolo estas »Die Sammlung« (La Kolekto). Elirigas ĝin germanaj verkistoj, kiuj volas siajn lastmonatajn inspirojn rakonti, ne atendante ĝis ili povas tion fari en dikaj volumoj, rakonti en la fragmenta, hasta formo ebligata de la kadroj de revuo. La novan revuon redaktas Klaus Mann, kaj aperas — en Amsterdamo. Adreso, por tiuj, kiuj estas scivolaj pri la urĝaj direndoj de germanaj verkistoj, estas Amsterdam, Kaizergracht 333. Kunlaborantoj: Alfred Kerr, Heinrich kaj Thomas Mann, René Schikele, Ernst Toller, Jakob Wassermann, Arnold Zweig kaj Stefan Zweig. Kunlaboras krome, certe por la montro de simpatio: André Gide, Jules Romains, Jean Giraudoux, Cocteau, Maurois, Ortega, Aldous Huxley kaj Romain Rolland.

La unua numero publikigas mallongan programon, kiu interalie diras pri la hejme oficiale subtenita literaturo: »la mondo nenion scias pri ĝi kaj estus hororige, se ĝi ekscius pri ĝi ion.«

(X.) KOMPATINDAJ BANDITOJ. Kelkaj flugemaj semajnoj kaj — ĉiu leĝhonoranta burĝo ĉion povas trinki en Ameriko. Kelkaj flugemaj semajnoj kaj — el la buŝo de la banditoj oni elprenos la »ĉiutagan« kuglon. Kio estis kulpo hieraŭ, tio estos morgaŭ laŭorda burĝa virto kaj maloftaĵo estos tiu brandkomercisto, kiu pro nervozeco mortpafas sian konkuranton. Finiĝis la malnova, bela, romantika alkohol-kontrabando, maŝinpafilo ne plu povas trabalai la stratojn de New York, nedecaĵo estos pafi kribrilo la pacan komerciston, kiu delogas la aĉetanton de la alia firmo.

Ni denove malriĉiĝis per interesa, kolora memoraĵo, malaperis epoko, kiun la historio notos verŝajne sub la titolo »epoko de Al Capone«. Li estis, la granda Capone, kiu rekonis la forton, kaŝiĝintan en la solidareco kaj uzis ĝin en la bataloj kontraŭ la polico kaj la konkurantoj. Li estis, kiu instruis siajn homojn pri leĝohonoro kaj ĉar ne estis eble honori la validajn leĝojn, li devis fari novan »Code Napoleon«, respektive »Code Capone«, kiun ja honoris ĉiu en la lando. Li sciis, ke la religio havas grandan efikon al la popolo, kaj pro tio li inventis la Capone-specan »dio-juĝon«, por kutimigi la popolon al pieco.

Tiu ĉi »dio-juĝo« konsistis el tio, ke la suspektindajn banditojn, pri kiuj tamen oni ne sciis veran delikton, li starigis al la muro kaj per maŝinpafilo surpafigis ilin de kelkpaŝa distanco. Kaj al tiu, kiu eltenis ĉi tiun provon, li pardonis. Ekzemple »Legs Diamond«, lia suspektinda subveziro, ricevis deksep kuglojn, sed li ne mortis, tiel ke poste li devis lin mortpafigi per simpla revolvero. Ĉi tion li jam kompreneble ne eltenis kaj per sia morto li pruvis, ke la suspekto de la granda estro havis bazon.

Jene sin distris tiuj diligentaj homoj, kiuj la soifajn loĝantojn de la »seka« Ameriko provizis per trinkaĵo. Sed ankaŭ la trinko mem ne estis teda afero en Ameriko, ekzistis ja homoj, kiuj ĉesigis eĉ la kartludon, por dediĉi ĉiun sian tempon al la trinko. Kiam ankoraŭ banditoj fabrikis la trinkaĵon de Ameriko, la trinko estis pli ekscita afero, ol la ruleto, ĉar la ludo okazis kun grandaj ennetoj. Tiu, kiu distrite englutis glaseton da brando, povis stari ekscitite kun horloĝo en la mano kaj povis atenti, ĉu li blindiĝos pro la ligna alkoholo post dek minutoj, aŭ ne? Kiu ne blindiĝis, tiu gajnis. La popolo de Ameriko trovis kompreneb!a ĉi tiun danĝeran ludon, ĉar se la mondo estas tia, ke banditoj fabrikas la trinkaĵon, kiuj laboras per maŝinpafilo, bombo kaj revolvero, de ili oni ja ne povas pretendi, ke el bagatela blindiĝo ili faru por si konsciencproblemon.

Krome ankoraŭ havis la trinko grandan avantaĝon dum la tempo de l' »sekeco«. Ĝi estis malpermesita. Al tio ĉi estas dankebla, al tiu ĉi malpermeso, ke ankaŭ etaj lernantoj kaj lernantinoj trinkis feliĉe, terure multe, eĉ se ne estis bongusta al ili la trinko mem, miloble pli bongusta estis al ili la scio, ke ili nun plenumas plenkreskan, laŭordan, kontraŭleĝan agon. Ne povis rajte pretendi por si la nomon de dando tiu Amerikana infano, kiu ne ĉeportis konstante la platan plenan trinkujon kaj la knaboj ne povis atingi tion, ke la virinoj serioze konsideru ilin, se ili ne povis vivigi la entuziasmon de l' virino per brando.

Kompatindaj banditoj fariĝos malĝojaj senlaboruloj: kaj se pro kutimiĝo, tempopasigo ili mortpafas kelkfoje unu la alian, ĉi tio jam ne reportos la malnovan belan mondon, — estas nur opio, memtrompo, distro, kiel al la senlabora barbirkomizo, kiu razas siajn edzinon kaj infanojn, sed dume sentas, scias, ke tio ĉi jam ne estas la vera!

Tamen, se momente ŝajnas aflikta la situacio de l' banditoj, homoj ne ploru! Al Capone, la granda estro diris kaj estas certe, ke liaj vortoj falis sur bonan humon:

»La vivo estas milito. La milito estas frenezaĵo. Kompreneble, ke mi sciis akiri por mi homojn, se generalo Pershing povis varbi soldatojn. La soldatoj de Pershing mortis sensence, sencele kaj por malmulta salajro. Miaj homoj scias, kial ili riskas ĉiutage sian vivon. Miaj homoj mortas por povi vivi riĉe kaj bone. Kompreneble, ke en la intereso de la sankta celo oni devas mortpafi tiujn, kiuj ĝenas nin en la laboro. Ni ne estu sentimentalaj, ĉar la malfortulojn tretas la pli fortaj. Jen la leĝo de l' vivo. La leono manĝas la bovon kaj neniu opinias senmorala la reĝon de l' bestoj. Oni konas ĝin nur forta kaj kuraĝa. La granda fiŝo manĝas la malgrandan. Kaj la malgranda fiŝo la ankoraŭ pli malgrandan. Jen la eterna leĝo de la vivo. Morala, saĝa, necesa afero estas murdi, se el tio oni povas gajni por si.«

Jene instruis siajn adeptojn la ĉefmurdisto pri belo, bono kaj se tiuj ĉi homoj nun sin lokos en la burĝa socio, ne estas verŝajne, ke baldaŭ ili forgesus la saĝan instruon de sia majstro.

Estas certe, ke la firmoĉefo preferos tiujn laborserĉantojn, kiuj petos de li per maŝinpafilo fiksita al la ventro la ĉiutagan panon. Ankaŭ la aĉetanto pli malfacile sin decidigos senaĉete elpaŝi el la vendejo, se la ridetanta komizo klarigas al li kun revolvero en la mano la utilojn de la vendota varo.

Ankaŭ la ĉefoj fariĝos pli bonaj, pli afablaj al la dungitoj, se ili scias, ke la maldungo eventuale povas okazi kun mortaj komplikaĵoj. En ĉiu branĉo oni povas utiligi la instruojn de patro Capone. Estas certe, ke la kelnero ricevos pli da trinkmono, se kelkfoje li briligos antaŭ la gasto sian revolveron.

Oni ne povas esti sufiĉe singarda! Al Capone fondis regulan bandit-universitaton kaj la studentojn instruis eminentaj fakuloj pri armil-uzo, gimnastiko kaj pri similaj aferoj, kiujn povas bezoni seriozaj banditoj en la vivo. Kaj nun jen estas tiuj ĉi kompatindaj, absolvitaj studentoj kun sia diplomo kaj ne povas sin loki en la mondo.

Ili povas iri almozpeti, kvazaŭ ili estus ordinaraj kuracistoj aŭ advokatoj.

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Basa:* malalta; *baŭmi* (Boirac): obstinstariĝi (ĉevalo); *bruska* (Wüster): krude subita; *dura* (Grosjean-M.): malmola; *falto* (Zamenhof): vizaĝsulko; *fiolo* (Wüster): longkola, fandfermita boteleto por medikamento; *hasti* (Christaller): urĝiĝi, rapidemi; *horori* (Grabowski): terurigi; *koktajlo:* brandmiksaĵo; *kriĉi:* akcipitre krii; *kultivi* (Zamenhof): kulturi; *langvoro* (Grosj.-M.): korpa kaj anima malstreĉiĝo; *mazohismo:* volupte esti turmentata; *nana* (Pl. V. vd. pigmeo) nenormale malgranda; *nimfomanio:* seksmanio de virino; *nupto:* geedziĝo, gepariĝo; *reflekso* (Boirac): nevola movo responda al ekstera ekscito; *retreto* (Grosj.-M.): ceda retiriĝo; *riveli* (Boirac): revelacii; *sandviĉo* (Boirac): ŝinkbulko, ŝinkpano; *sinistra* (Grosj.-M.): maldekstra, malbonaŭgura; *sinki* (Christaller): fali malrapide; *superba* (Grosj.-M.): impone, majeste altkvalita; *vilao* (Zamenhof: villo): somerdomo; *trista:* malgaja.

## Premio por frupagantoj

Kiel en ĉiuj antaŭaj jaroj ni volas kompensi ankaŭ nun la ordemajn abonantojn kaj fiksas premiojn por frupago. Sed ĉar estas kelkaj abonantoj, kiuj prefere havos ion alian, ol la bindaĵon por 1933-a jaro, ni decidis doni ankaŭ alian premion laŭ suba listo.

Rajtas ricevi la premion ĉiu malnova abonanto al LM. kiu pagas sian kotizon plej malfrue la 31-an de decembro 1933. al ni aŭ niaj reprezentantoj. La premioj estas jenaj:

1. *Bindkovrilo por la jarkolekto.* Alpago 0.80 sv. fr.

2. *Unu ekzemplero el la libroj:* Engholm: Homoj sur la Tero; Szilágyi: Trans la Fabeloceano; Kalocsay-Waringhien: Parnasa Gvidlibro; Kalocsay-Madách: Tragedio de l' Homo simpla eld; Kalocsay Rimportretoj; Baghy: Dancu Marionetoj; alpaginte por la broŝurita ekzemplero sv. fr. 1.50, por bindita ekzemplero sv. fr. 2.30 afrankite.

3. 6 *(ses) diversaj malnovaj numeroj de Literatura Mondo* sen ia ajn alpago.

Ni volas ripeti, ke frupagajn premiojn rajtas nur tiu abonanto, kiu pagis sian kotizon plej malfrue ĝis 31. dec. 1933.

Internaciajn respondkuponojn el kiu ajn lando ni akceptas en la valoro de 0.30 svisaj frankoj.

La premiolibrojn aŭ bindaĵon, kiel kutime, ni ekspedos kune kun la januara numero de Literatura Mondo.



# Niaj reprezentantoj:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien,* I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, *Pymble* N. S. W. Church St. »Tallangetta«.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen,* Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk,* Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham,* (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové.* Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj,* Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn,* Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
S. *Grenkamp-Kornfeld,* Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona,* str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano,* Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb,* Primorska 11.
La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.
**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem,* Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo,* Bergsliengata *11.*
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa,* str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz, *Lodz,* Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj,* str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm,* 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio,* Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto, Madison, (Wis.) Sherlok Hotel
**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczednosci, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

LA KVARA LIBRO DE AELA
la verko delonge atendata

# PRI L' MODERNA ARTO

verkita de
**S. Grenkamp-Kornfeld L. K.**
kaj
**Jan Brzekowski**
red. de „L' Art Contemporain“

venos en la numaj tagoj al la adresoj de la membroj de AELA kaj ĉiuj mendintoj. La verko estas la sola tiurilata en Esperantujo kaj ankaŭ nehavebla en multaj lingvoteritorioj. Ĝiaj preskaŭ okdek kliŝoj klare prezentas al la leganto la lastajn manierojn de pentroarto kaj la tekstopaĝoj bone kondukas lin tra la labirinto de la diversaj ismoj.

**La grandformata pli ol cent paĝa verko kostas broŝurite sv. fr. 7·—; bindite sv. fr. 9·— kaj estas havebla ĉe la eldonejo. — LITERATURA MONDO, Budapest, IX., Mester ucca 53. V. 5., Hungarujo, ĉe ĉiuj esperantistaj librovendistoj**

***JAM EN DEKKVIN LINGVOJ aperis la traduko de la fama verko***

# *Nun mi jam komprenas radion*

verkita originale en Esperanto de

***Eugeno Aisberg***

redaktoro de la iama bonega »Internacia Radio-Revuo«. El la verko presite aperis nur partoj en Esperanto. Post kelka tempo ni povas prezenti al niaj legantoj la verkon

***KUN PLI OL 200 ILUSTRAĴOJ***

kiuj faras tiun seriozan teknikan libron de nia literaturo unu el la plej gajaj libroj

Unika okazo estas en la historio de nia literaturo, ke verkon el ĝia originala esperanto-manuskripto oni traduku kaj eldonu en tiom multe da lingvoj. Certe estos do granda plezuro por la leganta esperantista publiko konatiĝi ankaŭ en la originalo kun la vere sprita kaj, malgraŭ la scienca temo, en tre facila stilo verkita libro de interparoladoj inter knabo Sciemuĉjo kaj onklo inĝeniero.

La verko estas nepre leginda el lingva kaj el enhava vidpunktoj kaj tion faciligos al siaj membroj la Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj, donante ankaŭ tiun verkon al ili por la 40% de la vendoprezo.

Detaloj pri amplekso kaj prezo sekvos en la proksima numero. Pri aspekto estas garantio por vi la eldonejo

***LITERATURA MONDO, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5, Hungarujo***

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős.